# REGo

## ☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*movada revuo en kunlaboro kun REU* *№ 6 (61) decembro 2010*






***Moskvo, 2010***

# enhavo





*La Estraro de REU gratulas ĉiujn esperantistojn okaze de la Nova Jaro kaj aliaj festoj! Ni deziras al vi ĉiam esti sanaj, riĉaj kaj feliĉaj! Ĉiam esperu kaj ne forgesu ĝustatempe pagi vian kotizon por 2011!*

**REGo**
(Rusia Esperanto-Gazeto)
**№ 6 (61) decembro 2010**
*aperadas ekde 2000*

*redaktas* **Garik Kokolija**
*kunredaktas* **Viktor Aroloviĉ**
*kunlaboras* **Maksim Griŝin**

*materialoj de REGo povas esti represataj, kondiĉe ke la tekstoj restos senŝanĝaj kaj estos indikita la fonto*

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio
*retadreso:* <gazeto@mail.ru>

***abontarifoj por 2011:***
*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 450 rubloj sendendaj al:*
Коколия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва
*por loĝantoj de aliaj landoj – 25 eŭroj pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*
***elektronika abono** – 200 rub. (5 eŭroj)*



## TIĤVIN – LA VICA JUBILEO

**Genezo**

La honora civitano de Tiĥvin, Nikolaj Zverev, forpasinta antaŭ nelonge en la aĝo de 93 jaroj, ĝis sia forpaso restadis fidela membro de Tiĥvina Esperanto-klubo. En siaj rememoroj li rakontis pri kurso de Esperanto, kiun en la dudekaj jaroj de la pasinta jarcento organizis en la urbo iu eksa maristo de la Baltia ŝiparo. Tiutempe regis la opinio, ke Esperanto estas nepre bezonata por la proletaro, kiu uzos la lingvon por komunikiĝi kun alilandaj laboristoj post la venko de la monda revolucio.

Poste la ideo mem pri la monda revolucio iel degelis; anstataŭ tiu venis la Granda Purigo de Stalin, la Dua mondmilito – la eventoj ne tro favoraj por Esperanto. Tiel aŭ alie, la lingvo reaperis en Tiĥvin ekde 1972, kiam estis organizita rondeto en unu el la urbaj mezlernejoj. Sed Esperanto-klubo, tiam nomita la urba klubo de internacia amikeco, oficiale sin anoncis en aŭtuno 1975, iĝinte unu el gravaj kunvenejoj kaj distrejoj por la urba junularo.

**La unua jardeko**

Dekomence la klubanoj ricevis kunvenejon – klasĉambron en la urba kulturdomo. La direktorino de la kulturdomo entuziasme subtenis ĉiujn klubajn iniciatojn kaj mem proponis presi por la laborsezono 1975-76 programlibreton, similan al tiuj, kiujn havis aliaj kolektivoj de la kulturdomo. Ŝajnas stranga la fakto, ke la leningrada cenzorejo (OblLit), permesinta kelkajn artikolojn pri internaciisma agado de Tiĥvinaj esperantistoj en la loka gazetaro, malpermesis publikigon de la programlibreto pro la vorto "Esperanto", abunde menciata tie. Nu, post anstataŭigo de la krima vorto ĉiuloke je "internacia lingvo", OblLit subskribis la permeson, kaj la libreto estis presita. La klubo agis laŭ la publikigita programo kaj eĉ pli. Do estis organizitaj kelkaj prelegoj por neesperantista publiko, leterekspozicio, Esperanto-kurso por komencantoj, interesaj klubkunvenoj, vizitataj eĉ de kelkaj komsomolgvidantoj urbaj kaj uzinaj.

La filio de la fama leningrada uzino "Kirovskij" estis tiam la urboformanta entrepreno kun 14 mil laborlokoj (pli ol 60% de la urba labormerkato); preskaŭ ĉiuj



*la unua jubileo en 1980*

klubanoj oficis ĝuste en tiu filio. Uzante tiun pretekston, tiama kluba prezidanto Aleksandro Kogan sukcesis ricevi de la uzino konstantan klubejon – duonon de kvarĉambra apartamento en la unua etaĝo de unu el la novkonstruitaj multetaĝaj loĝdomoj. La aliajn du ĉambrojn okupis la uzina fotoklubo, kun kies estraro kaj membroj la esperantistoj havis stabile kamaradecajn kaj interhelpajn rilatojn. La uzina sindikata komitato, alte aprezanta la iniciatojn de la klubo, proprakoste provizis la ejon per necesa meblaro, bezonataj iloj, paperaĵoj ktp, eĉ per telefono kun aparta numero, kio estis tiuepoke speciala luksaĵo.

Sed la klubo, kiel membro de SEJM, havis tiam pli ambician planon – antaŭ la oficiala fondiĝo, en 1974 ĝi proponis sin kiel kandidaton por klubo-organizonto de SEJT-18 en 1976. Ankaŭ tiu plano estis sukcese evoluanta kun helpo kaj subteno de ĉiuj urbaj instancoj – ĝis subita malpermeso de SEJT flanke de la regiona partia komitato, frapinta la klubanojn du semajnojn antaŭ la aranĝo mem. Malgraŭ la malpermeso tiĥvinaj esperantistoj kun helpo de la tuta SEJM sukcesis dece organizi la tendaron kun partopreno de ĉ. 300 gesamideanoj el la plejmulto de la landaj kluboj.

Vica strangaĵo estis, ke pro neglekto de la altranga malpermeso la urba kulturkomitato forpelis la esperantistojn el la kulturdomo, sed la komsomolaj kaj sindikataj estroj de la uzino “Kirovskij” neniom subtenis la persekutojn, do la klubo restis en sia ejo kaj kun ne malgrava financa subteno de la sindikato.

La sekvintaj jaroj plenis je diversaj iniciatoj kaj aktivaĵoj. Ĉiujare funkciis Esperanto-kursoj por komencantoj kaj progresantoj. Grupeto de lingve fortaj klubanoj tre aktive okupiĝis pri terminologio, kunlaborante kun la ĉefterminologiisto de UEA, kanadano Rüdiger Eichholz. La klubo preparis por la urbo kelkajn internaciajn ekspoziciojn, inter kiuj specialan atenton de la urbanoj logis la ekspozicio de infandesegnaĵoj. Tiutempe naskiĝis ankaŭ la tradicioj pri kelkaj klubaj festoj kaj elurbiĝoj; ankaŭ komunaj vojaĝoj al la enlandaj aranĝoj formis amikiĝintan kernon de la klubo.

Endas diri, ke la klubo estis tre aktiva membro de SEJM, per siaj aktive-


*klubkunveno en 1981*

coj atingante altajn lokojn laŭ la rezultoj de la ĉiujara interkluba "socialisma konkurado". Sed la dissolvo de SEJM ne tro influis la tiĥvinanojn – la klubo plu daŭrigis sian normalan vivon kaj agadon.



*esperantista familio Belov-oj*

**La dua jardeko**

Kompreneble, ekzistante kaj funkciante ene de la lando, la klubo travivis ankaŭ ĉiujn bonojn kaj malbonojn, trafintajn la ŝtaton en tiu epoko.

Uzante aperintajn avantaĝojn de la "perestrojko", tiĥvinanoj aktivigis la agadon. Dum la lastaj jaroj de Sovetio, dank' al klubaniĝo de kelkaj muzikistoj, unuavice – Vera Vlasova kaj Slava Rajskij, aperis kluba ensemblo de politika kanto, kiu furore prezentadis sin en diversaj urbaj festoj kaj dum la vojaĝoj. La klubanoj vigliĝis vojaĝante al diversaj eksterlandaj aranĝoj, ekzemple al laborbrigadoj en Jugoslavio kaj Bulgario, eĉ al UK-oj. Dum eko de ĝemelurbaj ligoj inter Tiĥvin kaj Imatra (Finnlando), Herouville (Francio) esperantistoj estis inter la iniciatintoj kaj la unuaj kontaktantoj kun la ĝemelurbanoj. Vizitinterŝanĝo de esperantistoj eĉ donis palpeblan helpon al la urbo: per zorgoj de la francaj esperantistoj la urbo ricevis donace plaston por forcejoj de la urba legomprodukta entrepreno "Vesna" kaj veturilojn por infanoj-handikapitoj, entute ne troveblajn en Sovetio-Rusio.

La plej dolora okazintaĵo estis, certe, perdo de la klubejo. La pereanta giganto, uzino "Kirovskij", forĵetis ambaŭ klubojn – esperantistojn kaj fotistojn – surstraten, luiginte la apartamenton al iu komerca firmao kiel oficejon. La klubo ne restis entute sen ejo – la urbestraro disponigis senpagan ejon por kunvenoj kaj kursoj en la nova kulturpalaco. Sed tie mankis loko por la kluba biblioteko kaj arkivo. Ĉiuj paperoj, fotoj, libroj, ilaro trafis portempe en privatan somerdomon, kie multo perdiĝis aŭ difektiĝis senrevene.

Eble, mi ne ĉion gravan rakontis pri la jardeko, ĉar plejparton de tiu mi pasigis ekster Tiĥvin, laborante en Nordo.

Bonŝance, la kerno de la klubo restis laborema kaj daŭrigis la agadon malgraŭ la sortobatoj.

**La tria jardeko**

Iel-tiel la kursoj de Esperanto funkciadis en la urbo ĉiujare, sendepende de la enlanda kaj enurba situacio, donante al la klubo iom da freŝa forto. Bedaŭrinde, plejmulto de la kursfinintoj –



*tradicia elurbiĝo en 2008*



*1993 – koncerto en la kongreso de SAT-amikaro*

lastklasaj lernejanoj kaj studentoj – forlasis la urbon por serĉi pli bonan sorton en Peterburgo kaj aliaj pli laborriĉaj lokoj.
Ve, ne nur gejunuloj... Estis la jardeko de la unuaj gravaj perdoj: foredziĝis eksterlanden la kluba prezidinto Saŝa Kogan, formigris suden la ĉefterminologiisto Volodja Gakalenko, forpasis subite nia kantisto Slava Rajskij...
Tamen la klubo plu restadis aktiva, kunvenante, kantante, vojaĝante. En 1995 al UK en Tampereo iris kvin tiĥvinanoj, sed en 1998 al Montpeliero – jam pli ol dek! Daŭris reciproka vizitinterŝanĝo kaj alispeca kunlaboro kun la ĝemelurbaj esperantistoj. Kaj ne nur ĝemelurbanoj venadis. En tiu jardeko tiĥvinanoj akceptis du amasajn landajn aranĝojn. Bone sukcesis OkSEJT en 1999, rikoltinta pli ol 250 partoprenantojn el multaj landoj. RET en 2004 kunvenigis multe malpli amasan partoprenantaron, sed estis unika almenaŭ pro tio, ke por saluti esperantistojn al la solena malfermo venis la urbestro mem.
Jen epizodo, aparte rakontinda. La urba muzeo de Rimskij-Korsakov la unuan fojon en sia historio estis ekspoziciigonta sian havaĵon eksterlande, en Francio sub aŭspicio de Unesko. Kestoj kun la aĵoj venis flughavenon en Parizo, akompanate de la direktorino kaj vicdirektorino, nia klubanino Jelena Loĵkina. La inojn kaj la aĵojn iukaŭze neniu renkontis, do Jelena decidis peti helpon per la sola telefonnumero, kiun ŝi kunhavis – tiu de la sidejo de Unuiĝo Franca por Esperanto. La agema esperantistino, deĵoranta tie, “starigis sur la orelojn” duonon de Parizo, trovis kaj mokis la funkciulojn de Unesko ktp. Rezulte, post horo venis pardonpetante la respondeculoj kun komforta buseto, kaj la problemo estis bele solvita, kio eĉ pli levis la aŭtoritaton de la klubo en Tiĥvin.
Same aparte emfazenda estas la fakto, ke en oktobro 2001 kaj novembro 2002 tiĥvinaj esperantistoj akceptis multurban kantistan teamon. En la sonstudio de la urba artlernejo estis registritaj la unuaj tri kodiskoj de la projekto “Oraj kantoj”.



*la prezidanto Viktoro*

**La duono de la kvara**

La jaroj 2006-2010 havis siajn atingojn kaj perdojn.

Ne mankis feliĉaj foriroj kaj funebraj forpasoj. Nia plej aktiva junulino, Julinka Litvinova, foredziniĝis al Belgio. Ni adiaŭis nian veteranon N.N.Zverev kaj travivis sciigon pri forpaso de Volodja Gakalenko.



*novembra klubkunveno en 2006*

Sekvis strio de la jubileoj – Nataŝa,Vera, Saŝa, Vasilij, Saŝa, Mikaelo – festataj komune kaj gaje. Samkiel la tradiciaj juniaj elurbiĝoj kun kantoj, ludoj kaj nepraj ŝaŝlikoj. Ne mankis ankaŭ eksterlandaj gastoj, akceptataj foje per la samaj ŝaŝlikoj, alifoje – per ŝvitbanado, restoraciumado kaj ekskursoj.

Denove – du amasaj renkontiĝoj: REK-EoLA en 2007 kaj TEMoj en 2009. Impresoj de la partoprenintoj, publikigitaj en REGo, estas ankoraŭ freŝaj en la memoro, do ne indas multe rakonti pri tio. Endas nur diri, ke la aranĝoj sukcesis grandparte pro la enteama laboro de niaj gejunuloj: Daŝa Vlasova, Anton Kirjakov, Rita Bistrova, Inga Krejson, Oljga Tiĥomirova...



*2010 – koncerto en Normandio*

El inter specialaj atingoj menciindas tradukmetiejo sespersona, faranta studojn dum du jaroj kaj fininta la laboron per kolektiva traduko de “La burgo kondamnita” de la fratoj Strugackij. Ankaŭ registro de la disko “Printempo bluĵinsa”, ricevinta dank’ al la moskvanoj belan veston kaj multajn pozitivajn reeĥojn. Ankaŭ kelkaj televidelsendoj pri la klubo, sukcesaj turneoj eksterlande...

La klubo eniras en la duan duonon de sia kvara jardeko ne sen problemoj, sed firme starante sur la piedoj, kiel unu el nemultaj fortaj esperantistaj komunumoj en la lando... Tio festindas, kaj la klubanoj invitas ĉiujn geamikojn al la tradicia Zamenhof-tago, kiu samtempe estos la jubilea vespero de la klubo. Bonvenon!

***Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)***

## SONIS MUZIKO ĈE NIGRA MARO



*la torto*

Ree inter geamikoj! Ree ĉe maro! Ree daŭrigo de la ĉi-jara varma vetero! Kaj... ree muziko! Ĝi sonis ofte en Soĉi dum vica renkontiĝo "Tagoj de Internacia Lingvo Esperanto" (TILE-6), kiu okazis de la 29-a de oktobro ĝis la 4-a de novembro. La aranĝon partoprenis 22 esperantistoj el diversaj lokoj (Taganrog, Kislovodsk, Armavir, Krasnodar, Ĉeljabinsk, Volgodonsk, Gelenĝik, Moskvo, Tomsk, Gorjaĉij Ključ, Otradnaja, Novopavlovskij, Uljanovsk). La gastojn akceptis 8 soĉianoj, gvidataj de Vladimir Bespalov.

Ĉi-jare ni pli ol kutime okupiĝis pri Esperanto, ĉar preskaŭ ĉiu preparis ion por la renkontiĝo. Anatolij Ivasenko (Krasnodar) alportis multajn ludojn kaj librojn. Aliaj (Tatjana Glaznica, Lilija Burgar, Gennadij Mitrofanov, Vladimir Bespalov, Aleksandr Rezniĉenko, Anatolij Ivasenko) rakontis pri kluba laboro. Galina Belenjuk ĉiam havis tempon por ni kaj montris multajn fotojn, faritajn dum internaciaj aranĝoj. Interesa estis la dua fotoekspozicio de nia klubo "Urbaj motivoj", kiun partoprenis jam 50 esperantistoj el 14 urboj. Pavel Kajsin (Moskvo) instruis origamon dum E-lingva programo "Florkarnavalo" (Uljanovsk), en la teatraĵeto "Rapeto" de uljanovska teamo "Eternaj komencantoj" la rolon de rapeto sukcese plenumis Vladimir Minin (Tomsk), ĉar ni estis nur sesope kaj bezonis ankoraŭ unu aktoron.

Estis planitaj ankaŭ multaj ekskursoj: al Krasnaja Poljana, al akvofaloj. Je la antaŭlasta tago de la restado en Soĉi la esperantistoj vojaĝis al Abĥazio, kie ilin impresis multaj objektoj: Rica-lago, Nov-Afonaj kavernoj, abelejo k.t.p.

Tamen ĉi-foje mi volus rakonti pri muziko. Ĉiu E-klubano en Uljanovsk scias, ke la ŝatata okupo de uljanovskaj esperantistoj estas muziko. Ni havas multajn geamikojn en nia urbo, kiuj de tempo al tempo aperas en nia klubo. Multaj ĉeestas la



bardan festivalon "Grušinskij" apud Samara aŭ nian lokan festivalon en Lomi. Preskaŭ duono de la klubanoj (8-10) ne preterlasas bonan okazon por viziti koncertojn de klasika muziko. Fojfoje al ni venas Aleksandr Ĥrustaljov el Dimitrovgrad, aŭ ni veturas tien. Nia klubanino Tatjana Kuzjmina tradukis multajn kantojn en Esperanton, kaj ni volonte kantas ilin. Dum multaj someraj E-renkontiĝoj nia grupo estas ĉiam tie, kie kantas Nina Djomuŝkina, Mikaelo Povorin, Aleksandr Ĥrustaljov aŭ Aleksej Borodin.



*la vira trio*

Tial ni tre ĝojis vidi Alekseon inter la ĉeestantoj. Ĉiutage kaj ĉiuvespere en la klubejo kaj la hotelo sonis liaj kantoj: novaj kaj malnovaj, kantataj sole kaj kune kun ni. Li akompanis eĉ hazarde aperintan dum la renkontiĝo trion de uljanovskanoj, kiu kuraĝis unuafoje en tiu konsisto plenumi publike kantojn el kantareto de Tatjana Kuzjmina. Dankon, Aleksej!

Ĉiujn atendis surprizo: nin plezurigis ankaŭ vira triopo de nevidantaj esperantistoj el Kislovodsk kaj Armavir (Anatolij Masenko, Pavel Rjabov kaj Vladimir Rassoĥin). Bonaj voĉoj, akordeco, forta sonado... Al ni ŝajnis, ke sonis tute ne trio, sed koruso!



*la "Rapeto"*

Muziko akompanis nin ĉiam dum la renkontiĝo. Kelkaj vizitis orgenan koncerton (jam tradicie), kelkaj matene gimnastikis sub gvido de Tatjana Glaznica (Ĉeljabinsk) sur la marbordo, kaj bruo de la ondaro estis vere muziko por ili. Kaj ĉiuj promenis vespere laŭ senhoma hellumita bordostrato, ĝuante silenton, maron, amikan rondon. Iufoje ni duonvoĉe kantis niajn ŝatatajn melodiojn. Eĉ grandega torto – surprizo de soĉianoj – estis muziko por niaj koroj je la adiaŭa horo!

Dankon, TILE-6! Vivu TILE-7!

***Margarita Karceva (Uljanovsk)***

## LA KAVERNOJ



Ĉu vi ŝatas kavernojn? Ne simple vidi sur pentraĵoj aŭ fotoj, sed propraprapersone vagadi en ili? Iam, dum juneco, iradis mi laŭ kavernoj, eĉ rampis tra plej mallarĝaj ties lokoj. Poste, dum la plenkreskula vivo, mi devis okupiĝi pri pli seriozaj aferoj. Nur antaŭnelonge mi refoje vizitis kavernon. Tio okazis dum novembra renkontiĝo TILE-6 en Soĉi.

La Nov-Afona kaverno estas bonfama por ĉiuj loĝantoj de Abĥazio. En 1961 ĝi estis eltrovita de lokano Givi Ŝalvoviĉ Smir. Nun ĉi tie funkcias granda komplekso de kavernoj. Ĝi estas fantasta kreaĵo de naturo, ĝia volumeno estas pli ol miliono da kubaj metroj. Imagu gigantan spacon en terkrusto, kiu similas fabelan palacon kun lagoj kaj bizaraj kolonoj, stalaktitoj, stalagmitoj, kiuj kunfandiĝinte formas originalajn kolonojn.




La kaverno lokiĝas sub la deklivo de Ivera monto. Ene ĝi havas konstantan temperaturon de la aero: +11 °C. Dum longa tempo ĝi estas uzata por sciencaj esploradoj, kaj ekde 1975 ĝi estas vizitata de turistoj. Dum tiu tempo pli ol 15 milionoj da gastoj vizitis ĝin. Trafi en la kavernon eblas laŭ tunelo per malgranda trajno.

La Nov-Afona kaverno konsistas el 9 haloj. 6 haloj estas malfermitaj por vizitantoj ĉiutage, 2 sekvaj – ĉiusemajne. Unu halo, "Heliktita groto", estas rezervita por scienca laboro. Tie troviĝas multe da enigmaj objektoj, similaj al glacipendaĵoj, kreskantaj en diversajn direktojn malgraŭ la pezoforto. Sciencistoj ĝis nun ne komprenis kialon de tio. Krome tie lokiĝas ŝtona akvofalo "Apsni".

En la halo "Apĥerca" regule okazas koncertoj de abĥaza muziko. En alia branĉo de la kaverno ĝis 2003 lokiĝis sismologia laboratorio de la rusia Ministerio pri defendo.

La longo de la ekskurso estas preskaŭ 1,5 kilometroj. Dum la tuta ekskurso sonas agrabla muziko. En fendoj de la rokoj estas kaŝitaj diverskoloraj lanternoj. Tio kreas originalan prilumadon en la kaverno. Oni sentas sin etaj kaj malfortaj kompare al granda naturo – kaj samtempe responsaj gardi ĝin kontraŭ detruo.

***Tatjana Kuzjmina (Uljanovsk)***

## AL “PACIFIKO” – 30...



La 20-an de oktobro 2010 la Esperanto-klubo “Pacifiko” festis sian 30-jariĝon, kvankam la unua Esperanto-grupo en Vladivostok estis fondita de Fjodor Postnikov en 1891, kaj en 1901 ĝi estis oficialigita kiel filio de Peterburga societo “Espero”. Tiu societo ekzistis ĝis 1936.

Dum la solena kunsido Aleksandr Titajev, prezidanto de la E-klubo, detale rakontis, helpe de lumbildoj, pri la historio de fondiĝo de la unua E-grupo kaj la nuntempa E-klubo, daŭriganta la tradiciojn de la unua E-societo. Li ankaŭ sonigis la salutmesaĝojn, ricevitajn speciale al jubileo el diversaj anguletoj de la mondo. Venis mesaĝoj el Japanio (4), Koreio, Ĉinio, Bulgario kaj certe – de la REU-Estraro, el la urboj Ivanovo, Soĉi kaj esperantistoj de najbaraj regionoj de Rusio.

Ekzemple, en sia salutmesaĝo s-ro Teruhiro Sasaki, Prezidanto de Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-movado (KAEM), skribis: “Ni elkore bonvenigas rusajn esperantistojn al KAEM. Bonvole partoprenu aktive, karaj samideanoj de klubo “Pacifiko”, en Azia Movado por altigi nivelon de Azia Esperanto. Via helpo estas necesa!”. Krome estis aranĝita ekspozicio, kie estis prezentitaj la arkivaj materialoj, la ĵurnaloj kun la artikoloj pri la kluba agado, atestoj, fotoj k.t.p. La partoprenantoj de la kunsido fotiĝis por memoro.

***Aleksandr Titajev (Vladivostok)***

## LASTE PRI LA PROVERBOJ

*Modeste komenciĝis la projekto, ankaŭ modestas la fino. Mi nur iom komentas la tradukojn laŭ mia ĉuĝusta percepto. Nun partoprenas nemultaj, evidente mia gvidstilo konvenas al nemultaj.*

**11. Не красна изба углами, а красна пирогами**

Klara Ilutoviĉ (K.I.): *Izbao* belas ne je ordo granda, sed je kuko franda. Ne anguloj sed mielo por izbao* estas belo.*

* Izba’o – kamparana ligna domo en Rusio.

A.G.: Mi dubas, ke indas uzi proverbe neologismojn. Eĉ en PIV ne estas la vorto *izbao*. Proverbo bezonas esti komprenata tuj. Laŭ mi tute konvenus uzi *kabano’*n. Tamen la senco de la proverbo estas transdonita per belaj rimoj. La unua varianto pli bone transdonas la sencon.

Svetlana Konjaŝova (S.K.): 1. *Gastama domo famiĝas ne pri tablotuko, sed pri kuko.* 2. *Al domo venas famo ne pro meblo, sed pro gastamo.* 3. *La domo famiĝas ne pri fasado, sed pri gastamo kaj kuirado.* 4. *Ne pri angulo kun ikono famiĝas la domo, sed pri gastamo kaj bakaĵ-aromo.* 5. *La domo famiĝas ne pri angulo kun ikono, sed pri kukoj kaj bono.*

A.G.: Svetlana estas el ni ĉiuj la sola loĝanta vilaĝe, kie ĉi proverbo tuj videblas – en angulo(j) pendas ikono kun plejeble belaj (sub)ornamaĵoj. Sekve mi pravigas la plurecon de ŝiaj tradukoj ege trafaj per ŝlosilvortoj. Por mi plaĉas precipe la 4-a kaj 5-a variantoj. Restas nur mallongigi ilin, kio principe eblas. Iom dubinda estas uzo de *pri* anstataŭ plikutima *per*...

Nikolaj Neĉjaev (N.N.) *Gasto ŝatas ne belecon, gasto ŝatas kukan pecon.*

A.G.: La koncizo estas elstara. Bonus se uzeblus la ruseskaj ŝlosilvortoj kiujn preni ĉe S.K.

**12. Два медведя в одной берлоге не живут.**

K.I.: 1. *Por du ursoj unu kav' ne konvenas – ili unu la alian tro ĝenas.* 2. *Unukave du ursojn oni ne trovas – kunesti ili ne povas. Du ursoj en unu kav' – miskred', miskonstat', mistraf'.*

A.G. En PIV ĉe la kapvorto urs/o estas mencio: "rilata al urso: *ursa nesto, ... ursa pelto*." Do la vorto "kavo" konvenas nur kun klariga aldono, ekz. *loĝa kavo* ks.

S.K.: 1. *Por du ursoj ne eblas paco en unu spaco.* 2. *Por du ursoj paca ekzisto ne estas en unu nestego, sed je disto. (aŭ "nur je disto").*

A.G. La unua varianto estas tre bona kaj eĉ kovras plivastan semantikan kampon. Nome – la ursoj havas siajn teritoriojn kiujn ili markas kaj gardas. Alia urso (kaj ne nur urso) ne rajtas uzi tiun teritorion. En lastaj tri jaroj mi fojfoje gastis ĉe konatoj loĝantaj tajge en eta "ĥutoro". Tien iri de la vojo estas 5 km, kaj meze de tiuj km-oj 600 m flanke loĝas ursino. Estis por mi ĉiama timet-tiklado konscii eblecon renkonti la ursinon. Unu mi-konata abelisto decidis ekloĝi apud tiu "ĥutoro" kaj transportis tien sian dometon. Baldaŭ li konstatis, ke ĉirkaŭ lia dometo rondas urspiedita malkontenta pado. La sperta loĝanto de la naturo konjektis, ke la ursino estas tre nekontenta, ke en ŝia teritorio aperis fremdulo. La "ĥutor"-anoj helpis al la abelisto malkonstrui la dometon kaj remeti ĝin en antaŭan lokon. Mia rakonto montras, ke la rusaj proverboj aperis kiam la domina parto de la rusianoj loĝis vilaĝe, do en la naturo. Nun plejmultas urbanoj, des pli inter esperantistoj, kaj estas nefacile kompreni kaj traduki proverbojn de la alia epoko.

**13. Рыба ищет, где глубже, а человек где лучше.**

K.I.: *Fiŝo serĉas plian profundon, homo serĉas plian fekundon.*

A.G. Bona traduko, sed mian suspektemon elvokas la ĉuĝuste uzata vorto *plian*. Miaj konoj ne sufiĉas solvi la suspekton kaj la libroj de Waringhien kaj Kalocaj ne submanas. Eble iu el la legantoj helpu per klariga mesaĝo. Laŭ mi la vorto *plia* signifas sence *aldona*...

S.K.: *Fiŝo serĉas akvon pli profundan, homo serĉas teron pli fekundan.*

A.G. Post kiam la traduko eksurpaperis ĉiam provu ion el ĝi forigi sen damaĝo al la ĉefa ideo. En ĉi kazo la dua vorto *serĉas* estas superflua. Eblas pliaj mallongigoj.

**14. На чужой каравай рот не разевай.**

K.I.: 1. *Ne tiriĝu mano al fremda pano.* 2. *Via buŝo ne estu envia pri pano ne via.*

A.G. Mi ne scias klarigi, sed la vorto *tiriĝu* ne plaĉas al mi, eble tro rusisma. La dua varianto estas tute bona.

S.K.: *Fremda panbulo estas ne por via okulo (aŭ – ne estas por...).* Ŝerce: *Por fremda panbulo ne malfermu buŝon, kaptos nenion, eble nur muŝon.* En proverbaro

la proverbo havas daŭrigon: На чужой каравай рот не разевай, а пораньше вставай и свой затевай – *Ne malfermu buŝon por femdaj panoj, ellitiĝu frue, por baki panon per propraj manoj*.

A.G. La dua varianto estas pliplaĉa por mi minimume pro la ŝlosilvorto *buŝo*. Estas vere interesa ŝerca varianto, kiu post ioma prilaboro, iom da ĝustigo rajtus ekvivi memstaran ekziston.

**15. На Бога надейся, а сам не плошай.**

K.I.: 1. *Pri Dio ne forgesu, sed esti zorgema ne ĉesu.* 2. *Al Dio fidu, sed malzorgemon bridu.* 3. *Dion esperu, sed misojn ne toleru.*

A.E. El la tri pli proksima al la rusa menso estas la dua provo. Tamen ne estas rekte transdonita la senco – sed mem ne estu senfara...

S.K.: 1. *Havu je Dio esperon, sed evitu memstare danĝeron.* 2. *Havu je Dio esperon, sed faru mem decan aferon.*

A.G. Ambaŭ variantoj mallarĝigas la sencon de la rusa *не плошай*. Ja temas, ke en ajna afero estu lerta, fariva, solvonscia ktp. La proverbo atendas aliajn tradukvariantojn.

Ankaŭ mi provis, kaj jenas miaj mallertaĵoj:

*Rusa hejm' ne muro-belas, sed se kukoj buŝon celas.* (Venis enstrate: *Ne belas rusa hejm' je (per) tablotukoj, sed belas per bongustaj (sur ĝi) kukoj*.)

*Du ursoj loĝas ne samneste, sed nur foreste. Ne loĝopacas ursoj neste – nur foreste. Ne eblas ursa loĝopaco en nesta spaco. Du ursoj pestas, se kunaj restas.*

*Je Dio esperu, sed kapablo (scipovo) prosperu.*

Ankaŭ venis la posttraduko por ***Речист да на руку нечист*** – *Buŝas bele, manas ŝtele.* Post kelkaj horoj revene: *Buŝas bele, la manoj – ŝtele*.

Kial? De unu flanko kial ankaŭ Esperanto ne estu konvencia lingvo same kiel la naciaj? De alia flanko la proverboj estas uzataj lige al iu estiĝinta/-anta situacio kiu jam preparas kompreni iun mallongigon, aludon k.s. Sekve la vorto *buŝas* plurvarianta traduke, se sen la kunteksto, ĉi-loke klare aludas la bezonatan efekton kaj la ruseskon. La finaĵo *–as* klare agas ankaŭ ĉe la sekvaj vortoj kun la rezulto: *manas* aŭ/kaj *ŝtelas.* Kaj ĉe la rusoj estas la vorto *нечист,* kiu tradukiĝas al Esperanto *estas ne-pura.* Konvencie ĉi-kunteksṭe la vorto *mano* signifas la sencon *ŝtelema*. Ĉi-konsideroj sekund-one pasas en la subkonscio de la sperta esperantisto, kiu aŭdas la proverbon. Por la nespertaj kaj progresantoj oni, kompreneble, proponu aliajn tradukojn, kio estas celo de alia tradukgrupo. Atentu, ke la rusa vorto *речь – речист(ый)* puŝas same nekutime derivi E-lingve *mano – manas.*

Mi konkludas, ke nia traduka grupeto jam ne estas aro da apartaj tradukantoj, sed kompletigantaj unu la alian tradukanoj. Ekzemple S.K. scias trovi rimvortojn, (ĉi-supre: fasado, meblo, (bakaĵ)aromo, ikono). K.I. bone rimojn vortovestas, N.N. scias diri koncize kaj tiel plu. Estus bedaŭro pereigi nian fortikiĝantan grupon. Mi proponas renkontiĝi en iu E-aranĝo por okupiĝi ĉefe pri tradukado de proverboj per metodo de "cerba sturmo". Ties ĉefa leĝo estas neniuokaze kritiki aŭ subkritiki sed nur evoluigi (ŝanĝeti) la proponon de alia aŭ simple proponi la propran varianton... Kiam mankas tempo por pripenso la cerbo enŝaltas la subkonsciajn rezervojn. Tion mi trovis en Moskvo, kie mi E-instruis ekspresmetode kaj ne ĉiam havis tempon prepari la sekvan lecionon. Alkurante tute nepreparita mi ofte instruis multe pli bone ol estante

preparinta min... Dezirindus, se ni laborus 3-5 tagojn, kompreneble kun cerborefreŝigaj paŭzoj kaj okupoj. La rezultojn de nia laboro ni publikigos en iu kultura E-revuo.

Kiel premion por la partopreno mi sendos al ĉiuj tradukanoj interesan artikolon pri proverboj E-lingvaj (de ne-E-proverboj), prenitan el unu el kulturaj E-revuoj. Fartu bone!

*Anatolo Gonĉarov (Krasnojarsk)*




## VOJAĜO TRA SKANDINAVIO – 2011

Estimataj samideanoj, karaj geamikoj proksimaj kaj foraj! Moskva Esperanto-Centro ofertas al vi, viaj konatoj, parencoj, amikoj, simpatiantoj novan miraklan busvojaĝon tra Skandinavio. Nia fina celo estos partopreno en la Universala Kongreso en Kopenhago. Nia luksa buso portos vin tra Finnlando, Svedio, Norvegio, Danio, Estonio. Vi konatiĝos kun la antikva havena finna urbo Turku, kiu estis elektita kiel kultura ĉefurbo de Eŭropo por la jaro 2011. Nin atendas 2 longaj kaj 4 kurtaj pramveturoj. Vizito al la bela surakva Stokholmo neniun lasos indiferenta. Ĉi-foje pli da tempo ni pasigos en la reĝlando de fjordoj – la fabela Norvegio. Se vere ekzistas troloj, ni ekvidos ilin! Vin atendas Tero de vikingoj, netuŝita naturo, antikvaj kasteloj, multegaj rimarkindaĵoj kaj belegaj ekskursoj. Planatas vizitoj al la urboj Lillehammer, Trondheim, Bergen, Oslo – perloj de Norvegio – kaj kelkaj etaj vilaĝoj. Kablaj vojoj, tuneloj, busserpentumado tra montaro kaj navigado per pramoj postulas fortajn nervojn kaj multajn pilojn en viaj fotiloj! 20-kilometra fervojo de Flom estas unika inĝeniera inventaĵo, ĝui ĝin strebas turistoj el la tuta mondo.

Ĉiuj noktoj estas pasigotaj en gastejoj, hoteletoj kaj surprame.

Dum unu semajno nin gastigos la fabela Kopenhago, kie estas jam mendita 2-stela hotelo. Dumkongrese ni faros 2-3 ekskursojn al la kastelo de Hamleto, al la kastelo de Frederiksborg, al antikva ĉefurbo de vikingoj Roskiille k.a. En la rea vojo ni vizitos E-Centron en Svedio Ljoŝofoŝ, Stokholmon kaj Tallinnon.

Tempo de la vojaĝo: la 15-a de julio – la 2-a de aŭgusto 2011, entute 18 noktoj: 2 trajne, 2 prame, 7 laŭvoje, 7 kongrese.

La tuta kosto de la vojaĝo, kiu inkluzivas kostojn de ĉiuj busoj, pramoj, trajnoj, tranoktadojn laŭvoje kaj dum la Kongreso, vizojn kaj asekurojn, estas 1220 eŭroj + 5000 rubloj. La prezo ne inkludas: aliĝon al UK (120 eŭroj ĝis la 31.12.2010, post tiu dato estos jam 150 eŭroj); UEA-jarkotizon (se iu ne pagis ĝin); ekskursojn laŭvoje kaj dumkongrese (kalkulu po 10-15 eŭroj, Flom-trajno kostas 50 eŭrojn).

Ju pli frue vi decidos vojaĝi kun ni kaj komencos preparadon, des malpli da tempo kaj mono elspezos vi kaj ni por la realigo de ĉiuj planoj. Plena aldona informo, rubla konto kaj aliaj detaloj estas sendotaj al vi laŭ viaj petoj!

**AGRABLAN, NEFORGESEBLAN, MIRAKLAN VOJAĜON KUN MEC!**

*Svetlana Smetanina, Direktoro de MEC*
*(+7-926-6083244, +7-499-1874508, <svsmetanina@yandex.ru>)*

# VIZITO AL LA ESPERANTO-URBO HERZBERG




Kiam Svetlana Smetanina printempe antaŭ la granda Eŭropa rondvojaĝo de rusiaj esperantistoj en aŭgusto de 2010, sciigis vojaĝontojn pri la intenco viziti la Esperanto-urbon Herzberg (legu: *Hercberg*) en Germanio, ŝi nur plifirmigis la deziron de kelkaj personoj nepre entrepreni ĉi tiun vojaĝon. Ankaŭ mi aklamis al la planata vizito, ĉar antaŭ dek tri jaroj mi jam gastis en ĉi tiu ĉarma saksia regiono kaj volonte deziris revidi ĝin ankoraŭfoje, aparte lige kun la Esperanto-programo en la jam tutmonde konata harca urbeto Herzberg.

Herzberg, havanta ĉirkaŭ 15000 loĝantojn, situas en la Sudharca montaro meze de Germanio en la federacia lando Malsupra Saksio. Ĉi tie troviĝas nacia naturparko Harco kun ĉarmaj belpejzaĝaj verdaj montetoj surkreskataj de pitoreskaj pinarbaroj kaj riĉaj je diversaj mineraloj. Ĝi estas netuŝata de la industrio kaj havas zorge flegatan naturrezervejon en milda kaj saniga klimata zono ŝatata de turistoj, montgrimpantoj, skiuloj, bicikluloj kaj piedpaŝantoj.

La 12-an de aŭgusto la buso venigis nin en la straton Grubenhagenstraβe, kie ĉe la domo 6 ni tuj konvinkiĝis pri atingo de nia vojaĝcelo surprize ekvidinte kelkajn grandajn kaj pli malgrandajn esperantlingvajn surmurajn ŝildojn, la Esperantan kaj rusian flagojn hisitajn okaze de nia vizito. Peter Zilvar kaj Zsófia Kóródy ĝoje salutis nian grupon, montris al ni unue sian Esperanto-ĝardeneton kaj poste la ejojn de la Interkultura Centro. En la biblioteka salono okazis vigla kaj interesa interparolo; la afablaj gemastroj detale konigis al ni faktojn kaj eventojn el la pli ol centjara historio de la esperantista movado en Herzberg kaj respondis plurajn demandojn.



*Peter Zilvar*

El iliaj rakontoj, varbaj kaj informaj folioj, broŝuroj kaj revuoj ni eksciis, ke la Interkultura Centro Herzberg (ICH) funkcias ekde 2003. Nun ĝi estas sidejo de pluraj establoj: regiona Esperanto-Societo Sudharco, filio por klerigado kaj kulturo de Germana Esperanto-Asocio, klerigcentro de ILEI kaj de Asocio de Germanaj Esperanto-instruistoj, organiza kaj informa centro pri Esperanto en la urbo. Dum la tuta jaro sinsekve kaj seninterrompe ĉi tie okazas diversaj kulturaj aranĝoj kaj klerigaj seminarioj. Esperanto estas diversnivele instruata de Zsófia Kóródy en urbaj lernejoj kun sukcesa apliko de interretaj kontak-



*ĉe la busto de Zamenhof*

toj kun eksterlandaj lernejaj grupoj dum lecionoj kaj akcepto de delegacioj el alilandaj partnerligaj lernejoj. Esperanto servas ankaŭ kiel pontolingvo por oficialaj kontaktoj de la urba administracio kun la pola ĝemelurbo Góra.

La Interkultura Centro posedas eminentan bibliotekon kun ĉirkaŭ 7 mil libroj en Esperanto, inter kiuj troviĝas pluraj unikaj kaj raraj eldonaĵoj; ĉi tie estas kolektataj, ciferece arkivigataj kaj zorge deponataj en perfekta ordo ankaŭ miloj (nun 17000) da gazetoj, 350 vidbendoj, sonregistraĵoj kaj turismaj informiloj, filatelaĵoj kaj aliaj dokumentoj. Por seriozaj kaj pasiaj libroŝatantoj kaj movadaj esplorantoj ĉi tiuj du bibliotekaj ĉambroj povas fariĝi neelĉerpebla fonto de scioj praktike pruvanta la kulturan valoron de Esperanto. La bibilioteko estas posedaĵo de la regiona Esperanto-Societo Sudharco. Ni plezure kaj danke salutvortis en la gastlibro, kie inter plurdekoj da emfazaj kaj pozitivaj reeĥoj de multnaciaj gastoj jam troviĝis ankaŭ aliaj memorskribaĵoj de rusiaj esperantistoj pli frue vizitintaj la Centron.

Herzberg, kiel urbo adoptinta Esperanton por la administra, kultura, komunika valoroj kaj celoj, reale estas tre juna kaj pionira fenomeno sukcese realiganta peresperantan projekton de ekrevoj kaj ideoj ĝis konkretaj praktikaj atingoj. La 11-an de julio ĉiujare ĝi povas soleni sian naskiĝtagon kiel Esperanto-urbo, ĉar en ĉi tiu tago en 2006 laŭ la decido de la urba konsilantaro ĝi ekposedis la novan oficialan nomon: Herzberg am Harz – la Esperanto-urbo. Por la unika historia decido voĉdonis **ĉiuj deputitoj de la kvar partioj kun tri sindetenoj.**

Kun Zsófia kaj Peter, kiuj entuziasme komunikis al ni rimarkindajn atingojn de ICH, ni promenis vespere tra la urbocentro kaj vidis en multaj lokoj informtabulojn pri la urbaj historiaĵoj kun resumaj tekstoj en Esperanto. Evidentiĝis, ke en Herzberg por turistoj kaj gastoj estas establita nova rondvojo, kiu enhavas 18 tiajn tabulojn. Krome ni povis ĉie vidi vojmontrilojn, diversajn domŝildojn kaj pli grandajn informstandojn kun afiŝoj, plakatoj kaj aktualoj anoncoj en Esperanto. La unua esperantlingva murtabulo aperis en Herzberg en 2006, kaj dum la



pasintaj kvar jaroj ĉi tie estis farita ampleksa informa laboro interalie kun granda apogo de la urbestro Gerhard Walter, kiu tre pozitive rilatas al Esperanto kaj subtenas diversajn iniciatojn de la esperantistoj. Sinjoro Walter jam sufiĉe bone komprenas la lingvon kaj kapablas iom interkompreniĝi en Esperanto. Krome li interesiĝas pri novaĵoj el la Esperanto-urbo kaj el la monda esperantista komunumo. Same la sekretariino de la urbestro Angelika Kiep jam uzas Esperanton. Estas videble, ke la urbo kaj la urbestro aktive subtenas kaj antaŭenigas la uzadon de Esperanto por neŭtrala internacia interkomunikado.

Vespere la gastigantoj sugestis al ni viziton al la greka restoracio "Akropolis", en kiu eĉ menukarto kun tre riĉa kaj varia elekto de bongustaj manĝaĵoj estas esperantigita por Esperante parolantaj vizitantoj kaj turistoj. Tio helpis nin ankaŭ ne preteratenti kaj nepre gustumi la Esperanto-salaton. Fine de la amika vespermanĝo la mastro de la restoracio kompleze regalis nin per glaseto da greka brando kaj nacia franda delikataĵo. Cetere, esperantlingvaj manĝokartoj troveblas ankoraŭ en sep aliaj urbaj restoracioj kaj kafejoj.


*promeno tra la urbocentro kun Zsófia Kóródy*

La urbo povas oferti interesan programon kaj disponigi al scivolaj gastoj vizitindajn lokojn, kaj ni volonte venis al monumento trafe respegulanta ĝian novan Esperanto-historion. La 15-an de decembro 2009 en Herzberg en ĉeesto de 50 gastoj en la urba centro apud la piedira zono estis starigita busto de Ludoviko Zamenhof okaze de lia jubilea 150-a naskiĝtago. La urbo havigis al si novan ZEO-vidindaĵon, kiu logas nun gastojn kaj tre konvene kongruas kun la nova titolo de Herzberg. La monumenton donacis al la urbo ĉinaj skulptistoj, tial la majstro ĉizita el blanka marmoro aspektas nekutime: iom rondvizaĝe kaj posedante rimarkeble orienteskajn trajtojn. Sur la nigra postamento videblas orliteraj surskriboj en kvar lingvoj: Esperante, germane, pole kaj ĉine. La nevasta esplanado de la monumento estas bone alirebla, ni povis ĝin ĉirkaŭiri kaj fari por memoro komunan foton ĉe la busto.

Antaŭtagmeze de la sekva tago nia grupo estis invitita en la urban bibliotekon, kie en unu el ĝiaj salonoj estis aranĝita tablego por komuna matenmanĝo, al kiu venis kelkaj hercbergaj kaj aliurbaj esperantistoj. Gaje kaj senĝene babilante ĉe la tablo kun germanaj geamikoj dum kafumado kaj tetrinkado ni agrable pasigis la matenan akcepton afable organizitan de la gastigantoj. Sed en ĉi tiu tago por ni estis

rezervita plia agrabla surprizo – vizito al la mezepoka kastelo de la Welf-familio, kiu majeste altiĝas sur monteta pinto super la urbo kaj apartenas al unu el ĝiaj historiaj rimarkindaĵoj kiel unika kaj la plej granda trabskelete konstruita kastelo en Malsupra Saksio. En tre vigla kaj sprita maniero Otto Kern rakontis al ni pri la pli ol naŭcent-jara historio de la kastelo, kiu estas nun aŭtente restaŭrita kaj disponigas siajn ejojn kaj imponan mezepokan kavalirsalonegon por historia muzeo, ekspozicioj, publikaj kunvenoj kaj solenaĵoj. La urbaj esperantistoj speciale fieras pro la aparta muzea platformo dediĉita al la konstanta Esperanto-ekspozicio kaj muzea komputila navigilo, kiu havas nun ampleksan programon en Esperanto kaj povas interaktive konsulti ĉiun vizitanton. En la muzea akceptejo ni trovis ankaŭ multajn belajn esper-antlingvajn turismajn informfoliojn kaj bildkartojn pri Herzberg.

Forlasante la urbon ni ĉiuj havis impreson, ke Herzberg tutkore ĝuas Esperanton, flegas internacian kulturon kaj plenrajte profitas el tio havigante al si tutmondan renomon de la urbo unike nuancanta sian apogon al la lingvo de Zamenhof, vaste kaj sukcese aplikanta ĝin sur diversaj terenoj de la vivo. La tutan multfacetan laboron en ICH modele kaj diligente motoras Peter Zilvar kaj Zsófia Kóródy, kiuj unuigis kolektivon de aktivaj kunlaborantoj, vidas perspektivojn kaj novajn liniojn de sia agado, praktike prezentante valorojn kaj avantaĝojn de Esperanto al la urba loĝan-taro. Iliaj vervo kaj engaĝiteco baziĝas sur profesieco kaj fido al la granda nuna kaj estonta utilecoj de sia agado. Ne vane s-ro Zilvar jam en 2007 estis proklamita de la internacia magazino “La Ondo de Esperanto” La Esperantisto de la Jaro pro divers-flanka agado por kaj per Esperanto.

Nia nelonga restado en la Esperanto-koro de Germanio amikigis nin kun la bela trankvila harca urbeto kaj homoj, kiuj kuraĝas kaj scipovas fari tian modele grandio-zan laboron. Ni konsilas al ĉiuj vojaĝemaj esperantistoj viziti la Esperanto-urbon kaj ĝui ĝian neforgeseblan etoson.

***Vladimir Opletajev (Surgut)***




*apud la Interkultura Centro Herzberg*

## PREFIKSAJ E-VORTOJ MANKAJ EN LA RUSA LINGVO

Estante alifaka tre malproksime de la lingvistiko mi per si mem komprenis, ke ĉiu esperantisto ĉe E-lingva vortfarado formas vortojn same kiel en sia nacia lingvo: afikso + radiko estas vorto. Sed se iu afikso mankas en la nacia lingvo, ĝi uziĝas pli malofte (aŭ tute ne uziĝas) ol ĉe alia esp-isto kiu havas ĝin en sia nacia lingvo. Certe, tre spertaj e-istoj multe legintaj E-lingve kaj ofte uzantaj E-on en la vivo, alproprigas al si la vortfaradon de E-vortoj laŭ pluraj naciaj gramatikoj. La publikigota serio da miaj elnotoj helpos al nespertaj kaj malmultlegintaj E-lingve samideanoj lerni fortfaradon krom pere de la rusa gramatiko. La elnotoj estas uzeblaj por pluinstruado en progresantaj kursoj kaj dum klubkunvenoj. Gvidanto tradukas la elnoton ruslingven kaj proponas al la kunvenanoj traduki ĝin al E-to. Poste li donas la originalan tekston por montri kiel eblus (ofte pli mallonge kaj do bele) esprimi la tekston E-lingve. Se vi pli-malpli ofte prezentos similajn minitradukajn ekzercojn, ĉe via E-rondo povos ekfunkcii anstataŭ rus-Esperanta mensado la multe plivasta, brakumanta menserojn de aliaj popoloj. Krome povas aperi intereso legi E-librojn.

Mi decidis almenaŭ foje ekscii pri la vortfarado de E-vortoj mankaj en la rekta rusa traduko. Tiucele mi skribis al kelkaj landoj laŭ UEA-membraj adresoj pri la deveno de tieslingvaj E-vortoj en la respektivaj tekstoj. Bedaŭrinde respondis nur svedaj esp-istoj. Jenas la unua respondo:

*Estimata samideano!*

*Kun granda intereso mi legis vian leteron. La du vortoj “diskaresi” kaj “disamita” estas ja ekzemploj pri la utileco de Esperanto. Mi bone komprenas “diskaresi”, ne tiel klare “disamita”. En la sveda lingvo ni laŭ mi ne havas svedlingvan version de la prefikso “dis-”. Tamen mi konas personon, kiu multe okupiĝis pri tradukado, kaj li estas tre lerta pri tiaj demandoj. Eble li povas helpi al vi. Lia nomo estas Bertil Nilsson.*

*Kun salutoj, Lisbet Andreasson.*

Mi komprenis, ke necesus demandi plifidelajn responduntojn, nome korespondamikojn. Sed mi delonge ne amikkorespondas. Cetere, ankaŭ mia menso sekundobaraktis pri la traduko de la vorto *disamita,* sed en la sekvaj sekundoj venis helpo de la kunteksto kaj momente venis la ruslingva versio – *затасканный.* Se mi tradukus el la rusa tiun vorton mi rusmense, rusgramatike dirus *trouzita,* aŭ *eluzita*, aŭ io simila. Kaj neniam mi rusmensa uzus *disamita* malgraŭ tiu vorto perfekte (por mi ekzotik-tikle, freŝe, plaĉe) transdonas la nocion pri tiu pluŝhundo (legu ene de la citaĵoj). Krome mi komprenis ke en la transdonata situacio la sveda memo estas plitenera ol la rusa.

Antaŭ ol mi forsendu ĉi tiun artikolon venis respondo de Bertil Nilsson:

*Estimata Anatolo,*

*mi provos respondi viajn demandojn.*

*“Diskaresi” ŝajnas al mi sufiĉe klara (ŝmiras ion sur la haŭton per karesaj movoj), sed ĝi ne havas normalan respondan vorton en la sveda.*

*Ankaŭ la vorton “disamita” mi kredas, ke mi komprenas. Mi supozas ke tio estas traduko de la sveda vorto “sönderälskad” (soender – aelskad). Tio estas vorto kiun mi povus uzi por priskribi pupon kiun infano tiom intense amis/karesis ke ĝi difektiĝis...*

*Kara amiko,*

*jen mi montras al vi kiel la teksteroj aspektus svede:*

*“Mi forlavas la kremon de la manoj, poste plenigas ilin per mola nubo el razoŝaŭmo, kiun mi malrapide almetas vizaĝen...”*

*“Jag tvättar bort krämen från händerna, fyller dem sedan med ett mjukt moln av raklödder, som jag sakta smetar på ansiktet...”*

*“Mi alpremas duan nubon el la doso kaj diskaresas ĝin en akselojn.”*

*“Jag trycker fram ett andra moln ur dosan och smeker ut det i armhålorna.”*

*“... ke nur temas pri malgranda pluŝhundo, sufiĉe kalva kaj disamita, sed se oni plie rigardas Cedrik, oni vidis, ke li preskaŭ havas okulojn el topazoj...”*

*“... att det handlar bara om en liten plyschhund, ganska skallig och sönderälskad, men om man ytterligare betraktar Cedrik, ser man, att han nästan har ögon av topas...”*

*Jen la tekstoj tradukitaj al la sveda. Se mi nun tradukus tiujn tekstojn en Esperanton, mi por “sönderälskad” uzus la vortojn “ĝis diseriĝo amita”.*

*“Sönder” signifas ke io estas disrompita aŭ diseriĝinta kaj “älskad” signifas amita aŭ amata.*

*Amike, Bertil.*

Dank’ al la ĉi-loka detalado pri nur du citaĵoj oni vidas, kiom diferenciĝas la pensad-sistemo de, ekzemple, la svedoj kaj la rusoj kaj kiel tio reflektiĝas surprize-interese en la lingvo Esperanto, kiu ĉi tie kunigas du popolojn, du pensad-sistemojn sur la neŭtrala, ne senkolora, sed male – buntkolkora mensada fundamento. La temo, laŭ mi, meritas plurajn disertaciojn pri kelklingvaj (kun E-to) komparadoj.

El la subaj ekzemploj mi elkopiis ĉi tien unu citaĵon, kiu montras, ke ekz. hispanlingve ne estas aparta vorto *disbabili*, kiu estas en la rusa (*разболтать*), kaj evidente ne en la itala, ĉar la aŭtoro de la citaĵo estas italo.

*Mi pardonpetas la aŭtoron de la recenzita verko, ĉar mi disbabilis (cetere diru tion en la hispana, se vi kapablas) anstataŭ serioze okupiĝi pri...*

*Renato Corsetti, or., Italio. “Hungara Vivo”, 1990,1, p.37*

Mi petis kelkajn detalojn, sed la aŭtoro bedaŭrinde ne respondis.

Fojfoje en la nuna kaj estontaj publikaĵoj mi metas afikso-vortojn kiuj ekzistas ankaŭ ruslingve por montri similecon ĉipunktan de du diversaj gramatikoj. Eble iuj el la legantoj entrepenos kaj publikigos la koncernan esploreton pri “dis-” aŭ iuj el la publikigotaj afiksoj.

## Prefikso BO-

Inter la premiitoj troviĝis tri **bohungaroj**: la premion Luigi Minnaja... gajnis Oldrich Knichal, en la drama branĉo s-ro Bernard Golden kaj la tria premio iris al Stefan MacGill. [temas pri edzoj de hungarinoj, rim. de AG]

*Hungara Vivo, 1987, 5, p. 165*

Ni ambaŭ estis el Trilarika, mia **bovilaĝo**, t.e. la vilaĝo de mia edzo.

*Johán Valano, originale, Ĉu li bremsis sufiĉe, Antverpen – La Laguna, TK-Stafeto, 1979, p. 59*

## Prefikso DIS-

Plaĉas al miaj manoj, se vespo surpromenas tien kaj retro. Nur kretenoj timas ilin, nur ili jen kaj **dis aeron** frapas, skuas la kapon...

*Georgo Kamaĉo, or., Hispanio, Esperanto, 1990, 10, p. 196*

... ke nur temas pri malgranda pluŝhundo, sufiĉe kalva kaj **disamita**, sed se oni plie rigardas Cedrik, oni vidis, ke li preskaŭ havas okulojn el topazoj...
*Eckhard Bick, el la sveda, Fonto, 171 (mart. 1995), p. 16*

Post kelkiom li kolektis mense ĉiujn **disargumentojn**, ilin kribris kaj deklaris ...
*Gonçalo Neves, or., Fonto, 140 (aŭg. 1992), p. 14*

Mi pardonpetas la aŭtoron de la recenzita verko, ĉar mi **disbabilis** (cetere diru tion en la hispana, se vi kapablas) anstataŭ serioze okupiĝi pri...
*Renato Corsetti, or., Italio, Hungara Vivo, 1990, 1, p. 37*

Kiam la patro estas hejme, ĉiam venas kvieto, escepte se kolektiĝas homoj kaj **disbabilas**. [la senco estas certe ne kiel ruse: разболтал]
*Marinko Givoje, el la kroata, Fonto, 63 (mart. 1986), p. 21*

Kaj ĉe ĉiufoja nodofaro (geiĝo) de hundoj sur la pasejo, unu el la gepatroj **disbastonis** ilin aŭ piedbate pelis ilin en arbaron...
*Mao Zifu, or., Ĉinio, La Kancerkliniko, 80, (okt.-dec. 1996), p.6*

Post pereo de Benvenuti, kastelo, Snejder, kaj Ĝons la bando estos **batita dis**.
*Jozo, or., Fonto, 8 (1981), p. 38*

Vivante en ĥaosa, rabema kaj naŭza **celdisa** mondo, kie regas...
*Ivo Rotkviĉ, or., La Gazeto, 75 (mar. 1998), p.25*

Ree en la ĉambro niaj deziroj **discelis**. Ŝi volis promeni... sed mi preferis ripozi kaj dormeti...
*Renervo Daŝo, or. , Monato, 1990, 2, p. 27*

Iuj **discentraj** konkludoj de S.Kudirka devigas memorigi formulaĵon de periodo de “Glasnost”: opinio de la redakcio ne necese koincidas kun tiu de la kunparolanto.
*Antanas GRINCEVIĈIUS, el la litova, Litova Stelo, 2001, 1, p. 10*

Ankaŭ ni, homoj... sed neniam iu ajn trasagis perrigarde la ĉielon, neniu provis kapti ĝian internaĵon, ĝian aliflankaĵon, neniu ekdeziris tordi ĝin, **disĉifoni** la kurtennigron kiu min ĉiam inkubis.
*Jovan Zarkoviĉ, el la serba, D.Mikuliĉiĉ, “O” kaj aliaj rakontoj, Zagreb, 1988, p.14*

Dek unu eldonoj serbaj, tradukoj en 24 lingvoj, bonegaj recenzoj **ĉiedise** forprenas de mi la plezuron proponi al via legemo...
*E. de Zilah, or., Hungario – Francio, La Gazeto, 67 (dec. 1996), p. 25*

La poeto metis la paton sur la primuson kaj la panfinon sur la paton. Ĝi rapide defrostiĝis kaj la poeto maĉetis inter la **disdentaj** alveoloj.
*Baldur Ragnarsson, el la islanda, La Tradukisto, 45 (nov. 2003), p.12*

... ke post tio splitiĝu ĉi terglobo kaj ĉi mensoga ĉielo kune kun la rompopecoj de tiu poezieca plenluno kaj kun la **disdisa** pluvado de steloj miliarde ŝutiĝu sur la senlima Fino.
*Gerrit Berveling, el la nederlanda, Fonto, 76 (apr. 1987), p. 23*

Nu, se akcepti Borges-omaĝan **disperiodigon** de la ĵus forpasinta jugoslava verkisto, Danilo Kiŝ, la rakonta prozo **disduiĝas** je la epokoj antaŭ kaj post la blindulego de

Buenos Ajreso.
*István Ertl, or., Hungario (kelklingva), Literatura Foiro, 123 (febr. 1990), p. 11*

Oni nin **dedise** atentigadas: la monstroj...
*Eŭgene de Zilah, originale, Hungario – Francio, La Gazeto, 17 (jun. 1988), p. 3*

Fojfoje dumnokte li spasmotremis dum koŝmaro el evitindaj sonĝoj, je kiuj li vidis la stacion eriĝe ŝirata de furioza forto, dum li tenis ĝin **maldise** per nudaj manoj, ligoliato **disstreĉa** pro doloro ...
*Jovan Zarkoviĉ, el la serba, D.Mikuliĉiĉ, "O" kaj aliaj rakontoj, Zagreb, 1988, p. 37-38*

Pro tiu **ejo-diso** la kongresanoj vere kuniĝis nur dum la freŝaj vesperoj, en la supre-dirita scenejo.
*Federico Gobbo, or., Heroldo de Esperanto, 1998, 9/10, p. 3*

Tiun ĉi bildon kun versaĵo sendis al ni la ĉina amiko d-ro Wang Huai Yu... La enhavo de la poemo: *Mia koro* estas sur verda alta monto, mia animo estas en blua profunda maro, mia korpo **dis-ekzistas** en tuta kosmo.
*Wang Huai Yu, or., Ĉinio, Scienco kaj Kulturo, 2002, 4, kovrilpaĝo*

Sed nun, kiam aĝo pezas kaj mankigas maljuneco
menso mia vagas vante, penso mia **diseraras**
al intencoj malmeritaj, inter agojn neheroajn.
*Joh. Edv. Leppäkoski, el la finna, Kalevalla, E-Asocio de Finnlando, Helsinki, 1985, p. 42-43*

La kornvala kaj la kimra lingvoj komencis **disevolui** ĉirkaŭ 600, post kiam la angloj, moviĝante okcidenten, kaptis la urbon Gloucester (gloste) kaj tiel dividis la keltlingvanojn...
*Monato, 1998, 1, p. 23*

Sed pri tio ni nur ekscie legas en la "postnotoj", ĉar la rakonton teksas blankaj kaj rimitaj versostrofoj, kiuj **disfadenigas** la rolon de la karnavalorganizaj komitatoj, de ties ĉefroluloj...
*Nicolino Rossi, or., Italio, Literatura Foiro, 172 (apr. 1998), p. 87*

Fronte al la hotelo Negoiu en Bukareŝto, kie mi iam loĝis, fulgonigras kuglotrua, **disfala** domskeleto.
*István Ertl, or., Hungario, La Gazeto, 27 (mart. 1990), p. 8*

... kaj okuloj viaj povis
min nudigi en **disfaldo**
sekundere.
*Nicolino Rossi, or., Italio, Literatura Foiro, 132 (aŭg. 1991), p. 3*

... per aliaj viglaj koloroj per kiuj oni ŝmiras la paskovojn. Somere, en la krepusko, kiam **disfaras** sin la foiroj, tiuj paskovoj...
*Roger Imbert, el la kroata, Moderna Kroatia Prozo, Zagreb, 1979, p. 233*

Fedja **disfingris** la polmon kaj blekis kvazaŭ dirante...
*Natan Procenko, el la rusa, La Kancerkliniko, 64 (okt-dec. 1992), p. 22*

... mia uzo de vortoj kiel refoje kaj **disfoje** anstataŭ la mistradiciaj "denove" kaj "de tempo al tempo"...
*Georgo Kamaĉo, or., Hispanio, La Gazeto, 46 (jun. 1993), p. 9*

En komenco de 1943 la divizio estis jam sendita al fronto kaj partoprenis batalojn apud Orjol, Kursk, poste en Belorusio, Litovio, Latvio. Post la milito ĝi estis **disformita.**
*Petras Ĉeliauskas, or., Litovio, Litova Stelo, 1995, 1, p. 11*

Momente li tute embarasiĝis kaj sentiĝis tia kvazaŭ fulmo trafis lin kaj la ĉielo **disfalus** sur lin. [ruse: небо обрушилось на него]
*La Espero el Koreio, 1991, 6 (105), p. 15*

Ĉi lasta kuŝis dorma surlite kaj ronkadis, kvankam **disfoje** kaj ne tre laŭte.
*Aitor Arana, or., La Kancerkliniko, 84, (okt.-dec. 1997), p. 21*

**Disfoje** troveblas strangaĵoj kiel la vorto *abandoni,* (tamen...
*Georgo Kamaĉo, or., Hispanio, Kontakto, 1993, 3, p. 14*

M: Etulino kaj ĝua virino ...
V: La kolegino atendanta en hotelo, profesorino instruanta el fotelo, la infanino kun **disflua** ploro...
*Giorgio Silfer, or., Italio – Svislando, Literatura Foiro, 137, (jun. 1992), p. 141*

La **disfuĝego** de ilia armeo estis daŭranta, kaj nenombreblaj veturiloj rapidegis apud li.
*Roger Imbert, el la kroata, Moderna Kroatia Prozo, Zagreb, 1979, p. 341*

Ili forkondukis la bovinon al la paŝtejo tra **disfumaj** herbejoj, odoro de kratagoj kaj aveloj.
*Roger Imbert, el la kroata, Moderna Kroatia Prozo, Zagreb, 1979, p. 267*

La rokklubejo estis preskaŭ plena... Postgige aperis ankoraŭ kelkaj favoraj gigrecenzoj kaj daŭre aperadas diskorecenzoj **disgazete**.
*Riitta Hämäläinen, or., Finnlando, La Ondo de Esperanto, 2005, 3, p. 9*

Alia vizaĝo estas la tendenco de ĉies gustoj, kvazaŭ elektadi al si la plej bizarajn, deviajn formojn – de **dis-gusto** malsocia anstataŭ de kungusto socia.
*Probal Daŝgupto, or., Hindio, Fonto, 241, (jan. 2001), p. 8-9.*

Kaj **disharmonio** ne estas **malharmonio**, sed laŭvorte kaj laŭlitere dis-harmonio, do harmonio, kiu disiĝas (la moderna muziko ofte estas disharmonia, malgraŭe tamen ne malharmonia, male per sia disharmonio ĝi serĉas kaj rekreas novan harmonion!).
*Karolo Piĉ, or., Ĉeĥio, La Gazeto, 12 (okt. 1987), p. 23*

Fine de la 2002 jaro mi ne plu povis lui ajnan ĉambron en Sankt-Peterburgo, sed dumonaton noktumis ĉe E-amikoj. Sed ne dezirante tian senhejmulan vivon mi forlasis mian **dishejmon** kaj trovis min jam en Siberio en tre malmultekosta loĝejo.
*El parolo de Anatolo Gonĉarov. printempo 2010 j.*

Se la sentoj **disiam** ŝajnas trivitaj, amplifilaj aŭ redukte riferencaj, almenaŭ la rimoj jen kaj jen surprizas aŭ novecas kvazaŭ en krucvortenigmoj...
*Abel Montagut, or., Hispanio, La Gazeto, 81 (maj. 1999), p. 21*

Mi forlavas la kremon de la manoj, poste plenigas ilin per mola nubo el razoŝaŭmo,

kiun mi malrapide almetas vizaĝen... Mi alpremas duan nubon el la doso kaj **diska-resas** ĝin en akselojn.
*Sten Johansson, el la sveda, Fonto, 244 (apr. 2001), p. 24*

Vi skuis min el mensa torporo
kaj **diskarnis** mian memon
en mil puzlerojn.
*Pier Giorgio Soranzo, or., Literatura Foiro, 120 (aŭg. 1989), p. 32*

De tie ŝi subite ekfrapetis ĉe la kuireja fenestro, montradis kun rondaj **diskirlaj** okuloj tra la koridoro al la ĝardeno, pro la fortega fetoro de tiu urno anoncis al mi pli per grimacoj ol per voĉo. .. La pastro ..
*Roger Imbert, el la kroata, Moderna Kroatia Prozo, Zagreb, 1979, p. 452*

Post la falo de la berlina muro kaj la **diskolapso** de Jugoslavio, aperis novaj landoj kun siaj firmiĝintaj lingvoj. [Se mi, ruso, frontus traduki el-ie la rusan vorton *развал* (Югославии), mi elrusmense dirus *disfalo*, kvankam, jes!, la vorto *diskolapso* estas plielvokiva kaj eĉ pli ĝusta, rim. de A.G.]
*István Ertl, el la angla (Hungario), Esperanto, 2000, 5, p. 103*

Kun siaj fantaziaĵoj pri odoranta herbo, pura aero, varmiga suno, ili kapablis nur manĝi, dormi, heni, galopi kaj **diskometi** siajn hararojn en la vento...
*Johano-Luko Tortel, La Gazeto, 74 (jan. 1998), p. 14*

La eldono de... en 1989 kaŭzis ondojn tiom grandajn kiom tiuj produktitaj far la romano de McCarthy. Tio malgraŭ la **diskonata** vivanteco de la latin-amerika romantistiko.
*Fonto, 254 (feb. 2002), p.10*

... ja tiel kantis Qu Yuan (fama poeto de Ĉinio en 340-278 a.K.) en sia poemo “La Monta Diino”... Oni interpretis ĉiu laŭ sia bontrovo la muzikon de ĉielo, kaj, ĉu ĝi sonos **diskorda** aŭ ne, dependas ĉefe de aprioraj kaŭzoj.
*Guozhu, el la ĉina, Fonto, 243, (mar. 2001), p. 26*

Pluraj landaj asocioj profitas pro la **diskresko** de “lingvofoiroj”, kaj aliaj kreskigas sian utiligon.
*Esperanto, 1990, 5, p. 95*

Kiel multaj intelektuloj tiutempaj... li **diskrias** la absurdon de la milito.
*Adriann Denhaan, el la germana, La Gazeto, 87 (mar. 2000), p. 17*

Oni riproĉis lin, ke li malutilas esperanton kaj Kalocsay baldaŭ estis **diskriita** kiel danĝera akuŝisto de vortkohorto.
*Ada Csiszár, or., Hungario, Literatura Foiro, 59 (febr. 1980), p. 5*

Tamen por mi persone Paŭlo unuavice estas aŭtoro el la kriza periodo, dum el Judismo **diskristaliĝis** nova religia realo, kiu poste fariĝos nia nuntempa multebranĉa Kristanismo.
*Timoteo Wüster, or., La Gazeto, 118 (apr. 2005), p. 26*

... eĉ se – laŭ objektiva kriterio – temis nur pri bagatelaĵo pro kiu oni **diskverelis**...
*Stefan Maul, or., Germanio, Monato, 1996, 11, p. 5*

La knabo senteme gapas
al ĉiutagaj strat-tumultoj
inter figuroj divers-gentaj
ade vivantaj en **diskuno**.
*Georgo Kamaĉo, or. Hispanio, La Brita Esperantisto, 1993, nov-dec, dorspaĝe*

Ankaŭ al kanaba akvospeco
Kur' neniam manku nek pureco;
Kiel senderud' el montoj pura
Fontas, tiel puru ĝi **diskura.**
*Willy Nüesch, el la germana, Fonto, 263, (nov. 2002), p. 10*

Malantaŭe inter du bareloj da keroseno bebece dormas Morton kun Henry James kruce **diskuŝanta** sur li.
*La Gazeto, 22 (apr. 1989), p. 28*

Sinjoro Jaufre Rudel, oni malmulton scias pri via vivo, kvankam vi estas unu el trobadoroj plej furoraj: viaj kantoj baldaŭ **dislandiĝos** kaj via famkonateco longe daŭros.
*Abel Montagut, or., Hispanio, Literatura Foiro, 124 (apr. 1990), p. 10*

Kaj vi provis, vi agis, vi cedis pro kelkaj momentoj da spasma stringado, pro la odoro de la sektreto kaj pro la **dislarĝaj** vitrecaj pupiloj...
*Roger Imbert, el la kroata, Moderna Kroatia Prozo, Zagreb, 1979, p. 494*

**Disloĝa** rondo
la suno ne subiras
en nia mondo!
*Leen C.Deij, or., Nederlando, Literatura Foiro, 191 (jun. 2001), p. 126*

Foje oni malfacile **dislimas** ironion kaj seniluzian malesperon: "Tute samaj estas niaj homoj kaj ni havas tute saman vidon".
*Literatura Foiro, 127 (okt. 1990), p. 41*

Estas jam malfrue. La imperiestro **dismaĉis** oscedon: "Ĉu iu alia rimarkinda afero okazis en Bagdado?"
*La Gazeto, 73, (dec . 1997), p.31*

La aidoso-viruso transdoniĝis per sanga aŭ seksa kontakto... kaj seksa transdonado pro la **dismalĉasta** vivostilo kune kun la neuzo de ŝirmiloj...
*Von Blottniz Harro, or., Monato, 1990, 8, p. 7*

... la firmao BSO **dismaldungis** la plej multajn sciohavantojn el la projekto DLT .
*Klaus Schubert, originale, Eventoj, 1998, 1/jan. p. 3*

Restas ombro,
raslas ombrotimo,
ĉio vrakas **dismalkree**,
aŭror' malruĝa
jam ne matenas.
*Nicolino Rossi, or/, Italio, Literatura Foiro, 127 (okt. 1990), p. 3*

***elnotis Anatolo Gonĉarov (Krasnojarsk)***

## INTERNACIA JUNULARA JARO – PRI DIALOGO KAJ INTERKOMPRENO EN LA 96-a UK

La antaŭa Estraro de UEA decidis dediĉi la temon de la 96-a Universala Kongreso de Esperanto en Kopenhago (23-30 julio 2011) al la Internacia Junulara Jaro, kiu komenciĝis en la ĉi-jara Internacia Junulara Tago la 12-an de aŭgusto kaj daŭros ĝis la sama tago en 2011. La nova Estraro konfirmis tion kaj elektis kiel la vortumon de la temo “Dialogo kaj interkompreno”. Per tiu vortelekto la Estraro kundividas la ideon de Unuiĝintaj Nacioj, kiu volas utiligi la Junularan Jaron por antaŭenigi dialogon inter junaj homoj trans ĉiuj limoj, ankaŭ trans generaciaj limoj.

La 96-a UK okazos do preskaŭ ĉe la fino de la Internacia Junulara Jaro, sed la Estraro de UEA instigas esperantistojn al vasta diskuto pri la kongresa temo jam pli frue. La revuo *Esperanto* k.a. eldonaĵoj kaj retaj forumoj de UEA estos malfermaj al kontribuaĵoj pri la temo. Nature la Estraro de UEA atendas ankaŭ aktivan engaĝiĝon de TEJO, kun kiu ĝi kunlaboros pri la planado de la tema traktado dum la UK. Okaze de la ĉi-jara Junulara Tago UEA jam diskonigis materialojn de UN pri la Jaro per Gazetaraj Komunikoj n-ro 393: <www.uea.org/dokumentoj/komunikoj/gk.php>.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## PLIAJ KOMISIONOJ KAJ KOMISIITOJ

La Estraro de UEA daŭrigas la elektadon de komisionoj kaj komisiitoj por diversaj laborkampoj de la Asocio. Lastatempe ĝi renovigis por tri jaroj la mandaton de la Komisiono pri la Ekzamenoj laŭ la Komuna Eŭropa Referenckadro, en kiu plu membras Katalin Kováts, Zsófia Kóródy kaj Renato Corsetti. Robert Kaminski estis reelektita kiel komisiito pri Zamenhof/Esperanto-Objektoj kaj Gabi Kosiarska – kiel komisiito pri la Esperanta radiofonio. Ili ambaŭ estis unuafoje elektitaj antaŭ unu jaro. Novaĵo estas la elekto de komisiono pri la Internacia Infana Kongreseto, pri kiu antaŭe respondecis komisiito. Krom la ĝisnuna komisiito Bert Schumann, en la nova komisiono membras Adenjo Charrière kaj Matthias Humet. Ankaŭ la Gazetara Kampanjo pri la Universalaj Kongresoj estos kunordigata de komisiono anstataŭ komisiito. La komisiono konsistas el Dmitrij Ŝevĉenko kaj Anna Striganova.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## PROPONU PRELEGON POR LA 34-a ESPERANTOLOGIA KONFERENCO!

Ankaŭ en la Universala Kongreso en Kopenhago okazos la tradicia Esperantologia Konferenco. Ĝia organizanto estas la Centro de Esploro kaj Dokumentado pri Mondaj Lingvaj Problemoj (CED), unuafoje ĝi estis en la programo de UK en Varno en 1978. En Kopenhago ĝi okazos jam por la 34-a fojo. La Esperantologia Konfer-

enco celas doni eblecon prezenti rezultojn de novaj esploroj kaj ebligi spertinterŝanĝon kun aliaj esperantologoj. Same kiel la prelegoj de pluraj antaŭaj sesioj, ankaŭ tiuj en Kopenhago estos poste eldonitaj kiel aktoj. Interesatoj por prelegi sendu mallongan biografian informon pri si kaj resumon de la proponata prelego al Detlev Blanke <detlev@blanke-info.de>. La prelegoj de la antaŭa Konferenco estas videblaj en la Reta Kinejo de UEA ĉe <www.ipernity.com/home/97850>.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## KONSISTO DE KAEM KONFIRMITA

La Estraro de UEA konfirmis formale la konsiston de la Komisiono pri Azia Esperanto-Movado (KAEM) surbaze de rekomendo, kiu rezultis el balotado okazinta en la ĉi-jara Azia Esperanto-Kongreso. Kiel prezidanto de KAEM funkcias Sasaki Teruhiro el Japanio kaj kiel vicprezidantoj – Wang Ruixiang el Ĉinio kaj Hoang Ngoc Boi el Vjetnamio. Sekretario estas Park Yong-sung el Korea Respubliko kaj kasisto – P.V.Ranganayakulu el Hinda Unio. La aliaj komisionanoj estas Muhammad Zubair (Pakistano), Reza Torabi (Irano), Mukunda Raj Pathik (Nepalo), Ĝamŝid Fajzullaev (Taĝikio), Esti Saban (Israelo) kaj Chimedtseren Enkhee (Mongolio).

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## NOVA KASISTO DE REU

Ekoficas nova kasisto de REU – Natalja Ŝoroĥova. La antaŭa kasisto, Miĥail Ĉertilov, propravole forlasas ĉi tiun postenon.

Bonvolu konsideri, ke por sendi viajn REU-kotizojn **validas nur la nova adreso**: ***142717, Московская область, Ленинский район, п/о Развилка, до востребования, Наталье Николаевне Шороховой.*** Krome vi povas pagi tra la sistemo ***Yandex-denjgi***, numero de la “monujo” estas 41001612527392.

En la sekva numero de REGo ni publikigos numeron de la konto en “Sberbank”, al kiu vi povos ĝiri monon por la kotizoj. Abonantoj de la dissendolisto <reu-agado> informiĝos pri tio tuj kiam la konto estos lanĉita. Ĉiuj antaŭaj pagmanieroj (poŝta adreso, banka konto k.t.p.) malvalidiĝas, tamen jam senditajn pere de ili kotizoj ne malaperos, sed estos transdonitaj al la nova kasisto.

Oni esprimas plej koran dankon al M.Ĉertilov pro multjara sindona laboro por REU.

***Grigorij Arosev (Moskvo)***

## NOVAJ REU-MEMBROJ POR 2010

**INDIVIDUAJ MEMBROJ**

*Perepelica Vladimir (Moskva reg.), Sibirceva Valentina (Lipecka reg.), Melnikov Aleksandr (Rostov-na-Donu), Sipoviĉ Valerij (Moskvo)*

**ALIĜINTA KOLEKTIVO**

**Moskva E-klubo “EK-MASI”** (+ 4 membroj): *Ĥunta Lina, Makarcova-Makariĉeva Jelena, Poljakova Glafira, Sidorkova Varvara*

***Plena aktuala listo*** de la membroj troveblas en la ttt-ejo de REU laŭ la adreso <http://reu.ru/membrolisto/>.

## KOTIZOJ DE REU/REJM POR 2011

*Membri en REU oni rajtas ekde la aĝo 18 jaroj; 14-17-jaruloj rajtas aliĝi kiel kandidatoj.*

**Individua kotizo** – 200 rub. ĝis la 28-a de februaro 2011 (por ekster-KSŜ-anoj – 20 eŭroj), 250 rub. ekde la 01-a de marto 2011 (por ekster-KSŜ-anoj – 25 eŭroj); inkluzivas la membrokarton, Jarlibron/Manlibron de REU, Bultenon de REU en elektronika formo (laŭpete – en la papera) kaj aliajn informojn de REU, voĉdonrajton en Konferenco de REU, rabatojn en E-aranĝoj de REU.

**Mecenata kotizo** – 500 rub.; inkluzivas ĉion la saman kiel por la individua kotizo, krom unu escepto: sur la membrokarto estos skribita "Mecenato de REU".

**Dumviva kotizo** – 5000 rub. (por ekster-KSŜ-anoj – 500 eŭroj); inkluzivas ĉion la saman kiel por la individua kotizo dum la tuta vivo.

**Familia kotizo** – 100 rub.; inkluzivas la membrokarton, voĉdonrajton en Konferenco de REU, rabatojn en E-aranĝoj de REU. La familiajn kotizojn rajtas pagi samadresaj parencoj de individuaj, dumvivaj aŭ mecenataj membroj.

**Kolektiva membrokotizo** – 70 rub. por ĉiu aligita membro (la aliĝintaj kolektivoj pagas minimume por 5 aligitaj membroj); inkluzivas po 1 ekzemplero de REGo kaj Jarlibro/Manlibro de REU por kluboj kun 5-15 aligitaj membroj kaj por ĉiu aldona deko de la aligitaj membroj, aliajn informojn de REU por la kolektivo; la membrokartojn, voĉdonrajtojn en Konferenco de REU, rabatojn en E-aranĝoj de REU por la aligitaj membroj.

**Aliĝkotizo** – 300 rub., unufoje pagata de nova aliĝinta kolektivo. La jamaj aliĝintaj kolektivoj ne pagas ĝin. La nova kolektivo iĝas regiona organizaĵo de REU kaj laŭpete ricevas dokumenton pri tio. Se la kolektivo ne pagas kotizojn por aligitaj membroj dum du sinsekvaj jaroj, ĝi estas konsiderata likvidiĝinta kaj poste devus denove aliĝi al REU.

**Amiko de REU** – senpage; inkluzivas partoprenrajton (sen voĉdonrajto) en Konferenco de REU, Bultenon de REU en elektronika formo kaj aliajn informojn. Oni rajtas aliĝi kiel "Amiko de REU" nur unufoje. Persono, sin anoncanta "Amiko de REU", devas plenigi aliĝilon kaj mencii sian retadreson.

**Rabatita abono de REGo** – 400 rub. (ekster Rusio – 20 eŭroj), por ĉiuj membroj. La dumvivaj membroj, kiuj pagis sian kotizon en 2001-2003, plu ricevados REGon sen aldona pago.

*Ĉiuj membroj de REU kun la aĝo malpli ol 31 jaroj aŭtomate iĝas membroj de la junulara sekcio REJM (Rusia Esperantista Junulara Movado) kaj ricevas voĉdonrajtojn en REJM-voĉdonoj.*

*Membroj de REU iĝas aligitaj membroj de Universala Esperanto-Asocio, la malpli ol 31-jaraj – ankaŭ de TEJO.*

Aliĝilojn, rublajn kotizojn kaj rabatitajn abonpagojn por REGo sendu (poŝtmandate) al: ***142717, Московская область, Ленинский район, п/о Развилка, до востребования, Наталье Николаевне Шороховой***; eblas ankaŭ pagi per la sistemo **Yandex-denjgi**, numero de la "monujo" estas ***41001612527392***. La eŭraj kotizoj pagendas al la konto **reua-p** ĉe UEA.

# Eksciu, ke...

## LITERATURO, INSTRUADO KAJ FILMOJ EN LA MALFERMA TAGO

Sabaton, la 27-an de novembro la Esperanto-poeto Mauro Nervi estis la ĉefgasto de la 33-a Malferma Tago de la Centra Oficejo de UEA, kiu allogis 90 vizitantojn el 16 landoj. Nervi kontribuis al la programo per du prelegoj. En la unua prelego li parolis pri la idea esenco de la Akademio Literatura de Esperanto, kies prezidanto li estas kaj kiu estis fondita en Roterdamo en la 93-a Universala Kongreso en 2008. En sia dua prelego Nervi parolis pri la poezio kaj verkista agado de la Esperanta kandidato por la literatura Nobel-premio Baldur Ragnarsson.

Katalin Kováts prezentis la renovigitan retejon de <edukado.net> kaj priskribis kiel utiligi ĝin por lerni kaj instrui Esperanton. Pri sia lastatempa dua vojaĝo al Indonezio por instrui Esperanton kaj pristudi la historion de la tiea movado parolis Heidi Goes. Trifoje estis montrita la premiita mallonga filmo *Conlang*. Antaŭ ĝia unua prezento Chuck Smith parolis pri ĝi kaj pri la subtena agado por ebligi ĝian DVD-eldonon. En la biblioteko, kiu por la tago estis transformita en kinejon, oni montris ankaŭ plurajn aliajn filmojn. Dum la lasta horo de la programo la tri ĉeestantaj estraranoj de UEA Claude Nourmont, Barbara Pietrzak kaj Loes Demmendaal respondis demandojn kaj diskutis kun la publiko.

La plej furora titolo en la libroservo estis la ĵus aperinta nederlanda versio de la broŝuro *Malkovru Esperanton* (*Ontdek het Esperanto*), de kiu vendiĝis 34 ekzempleroj. Preskaŭ same populara estis la ekzerclibreto *Poŝamiko* (31 ekz.). La nova, reviziita eldono de *Baza Esperanta radikaro* kaj la rememoroj *Post la pluvo – pluvego* de Eddy Raats estis venditaj en po 7 ekzempleroj. La ĉi-lasta estas daŭrigo de *La longa vojaĝo*, kiu trovis 5 klientojn, same kiel *Mil unuaj vortoj en Esperanto*. Lokon super ili en la taga furorlisto konkeris *Zamenhof: biografia skizo* de A. Korĵenkov. La suma valoro de la libroservaj vendoj estis 2189 eŭroj. Krom la ĝenerala rabato de 10% multaj libroj estis ekstre rabatitaj.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## LA ESPERANTISTO DE LA JARO ĈE PETERBURGA ESPERANTISTARO

La 23-an de novembro en la sidejo de la peterburga E-kolektivo "Kariljono" okazis renkontiĝo kun Aleksandr Korĵenkov, la Esperantisto de la Jaro 2009 kaj ĵusa laŭreato de la prestiĝa Esperanto-kulturpremio de la urbo Aalen. Por plene prezenti nian gaston oni bezonus plurajn paĝojn, do mi nur donas la plej gravajn informojn.

Oni plej konas lin kiel redaktoron de la internacia sendependa magazino "La Ondo de Esperanto", kiun li redaktas dum 20 jaroj. Ĉar ĉiuj interesatoj bone konas "La Ondon", mi ne plu skribos pri ĝi, sed prezentos lian eldonan agadon. Aleksandr Korĵenkov estas eldonisto. Kune kun sia edzino, Halina Gorecka, li eldonis jam 114 librojn, interalie, kadre de kelkaj gravaj eldonprojektoj.




La plej konata projekto estas la serio “**Mondliteraturo**”, prezentanta ĉefverkojn tradukitajn el diversaj lingvoj, ekzemple, la tuta “La Mastro de l’ Ringoj” de Tolkien kaj ties “La hobito”, kvin romanoj de Simenon pri komisaro Maigret, kaj du libretoj de Lewis Carroll pri Alico. Kun ĝuo renkontis la legantoj la duan eldonon de la mondfama krimromano de Conan Doyle “La ĉashundo de la Baskerviloj” en la traduko de William Auld. En la serio “**Rusa literaturo**” aperas Esperanto-tradukoj de eminentaj rusiaj verkistoj: Ivan Turgenev “La unua amo”, Anton Ĉeĥov “Ĉeriza ĝardeno”, Fjodor Dostojevskij “Blankaj noktoj”, Lev Tolstoj “Resurekto”, ĝis la krono de ĉi tiu kolekto “Rusa novelaro. Volumo I”.

La eldonejo “Sezonoj”, kiun Gorecka kaj Korĵenkov prizorgas, grave kontribuis al la internacia libroserio “**Oriento-Okcidento**”, en kiu la aŭtoroj strebas malfermi animojn de popoloj en la Oriento kaj en la Okcidento. En ĝi estas eldonitaj jenaj libroj de “Sezonoj”: “La majstro kaj Margarita” (M.Bulgakov), “Krimo kaj puno” (F.Dostojevskij), “Eŭgeno Onegin” (A.Puŝkin), “Malvivaj animoj” (N.Gogol).

Promesplena estas la projekto “**Sed ne el la katedro**”, kies 5-an volumon la legantoj renkontis kun intereso.

Sed lia plej interesa iniciato estas la serio “**Scio**”, kiu enhavas gravajn kaj seriozajn verkojn pri Esperanto kaj interlingvistiko. En julio 2010 aperis jam la 9-a volumo de “Scio”: “Zamenhof. Biografia skizo”, kiun Korĵenkov mem verkis. (En Novjorko jam aperis angla traduko de ĉi tiu libro.)

Pri Ludoviko Zamenhofo oni scias el multaj verkoj verkitaj de diversaj aŭtoroj. Sed pro la jaroj la biografio de la Majstro ensorbis multajn elpensaĵojn kaj konserviĝis kiel la mita. Korĵenkov per siaj esploroj en arkivoj kaj bibliotekoj forlavis polvon kaj eĉ ŝlimon de la persono kiu estas Zamenhofo. Li laboris, interalie, en: Nacia historia arkivo de Belorusio en Grodno, Kaŭna regiona arkivo (Litovio), Ruslanda ŝtata biblioteko en Moskvo, Centra historia arkivo en Moskvo, Ruslanda nacia biblioteko en Sankt-Peterburg, Ruslanda ŝtata historia arkivo en Sankt-Peterburg. Surprize por la peterburgaj esperantistoj, kiuj venis dudekpersone, Aleksandr rakontis pri la patro de la Majstro – Marko Zamenhofo – kun pluraj tute novaj kaj eĉ surprizaj informoj.

Post la interesa prelego estis teumado kaj libera babilado. Oni demandis la gaston pri lia eldonado, pri “La Ondo”, pri lia esplorado, pri “Radio Esperanto” kiun li gvidas kun sia edzino. Dum la kafopaŭzo Aleksandr vendis kvardekon da lernolibroj kaj plurajn aliajn librojn. Peterburgaj esperantistoj alte taksas la viziton de la Esperantisto de la Jaro. Fine de la vespero Aleksandr modeste nomis nian klubon: “verŝajne unu el la plej interesaj en Ruslando”. Ni atendos Aleksandron en la sekva jaro.

***Laŭ komisio de la peterburga esperantistaro kompilis Anatolij Sidorov (Sankt-Peterburg)***

## REZULTOJ DE LA ELEKTO EN LA AKADEMIO

43 akademianoj voĉdonis por elekti la estraron kaj la direktorojn de la Sekcioj kaj Komisionoj de la Akademio de Esperanto. Kiel estraranoj estis elektitaj: John Wells, prezidanto; Probal Dasgupta, vicprezidanto; Brian Moon, vicprezidanto; Renato Corsetti, sekretario. Kiel direktoroj estis elektitaj: Christer Kiselman, Faka Lingvo; Otto Prytz, Gramatiko; Bertilo Wennergren, Ĝenerala Vortaro; Marc Bavant, Kontrolado de lerniloj; Aleksander Shlafer, Lingva Konsultejo; Paul Gubbins, Literaturo; Probal Dasgupta, Prononco; Carlo Minnaja, Komisiono Historio de AdE.

***Oficialaj Informoj de AdE***

## POR PACO KAJ AMIKECO EN LA TUTA MONDO

Ekde 1987 unufoje je du jaroj en la mondo okazas neordinara evento – la torĉa stafeto aŭ la Kuro de Paco (la Kuro de Harmonio). Tradicie la ĝenerala starto de la Tutmonda Kuro de Paco okazas apud la Stabejo de UNo en Novjorko. Dum tiu ceremonio oni de la komuna fajro bruligas torĉojn por kvin kontinentoj. Poste la stafetaj startoj salvas sur ĉiuj kontinentoj.

La 25-an de februaro en Dublin (Irlando) startis la Kurado de Harmonio tra Eŭropo. Tiu teamo portis la torĉon de Harmonio tra 49 landoj. La 24-an de aprilo en Hiroŝimo (Japanio) komenciĝis la azia Kuro de Harmonio, la 17-an de aŭgusto – la norda itinero en Zlatoust (Uralo), kaj la 2-an de septembro – en Aktjubinsk (Kazaĥio) startas la suda itinero. La fino okazis la 27-an de septembro je la 13.30 en Moskvo apud Kremlo, kien samtempe alvenis partoprenantoj el ĉiuj stafetaj direktoj. La tutmonda Kuro de Paco estas la plej konata en la tuta mondo stafeto, en kiu la torĉo estas transdonata kiel simbolo de homara vojo al harmonia kaj feliĉa vivo. La longo de la distanco estas sume ĉirkaŭ cent mil kilometroj. Laŭ stafetaj kondiĉoj ĉiu homo povas aliĝi al kurantoj ĉiuloke. Sufiĉas porti la torĉon nur kelkajn metrojn aŭ simple teni ĝin en la manoj, kaj tiamaniere oni povas esprimi sian bonan volon. Transdonante la torĉon de manoj al manoj, de homo al homo, ni reciproke deziras unu al la alia kvieton, bonon kaj konkordon.

En 1995 kosmonaŭto G.Strekalov prenis la torĉon de Amikeco en kosmon kaj transdonis ĝin al usonaj astronaŭtoj sur la orbita stacio “Mir”. En 2008 la torĉo vizitis nordan poluson.



Matene la 12-an de septembro 2010 9 uljanovskanoj solene akceptis de samaranoj la torĉon de Amikeco kaj portis ĝin tra Uljanovska regiono. Kuri laŭ ŝoseo estis interese: ŝoforoj salutis nin, ridetis, mansvingis, signalis, ŝaltadis lumĵetilojn. Tio estis bonega! Ĉiuvilaĝe nin jam atendis lernantoj kun pano-salo. En la vilaĝo Terenjga ni aperis dum la festo “Tago de familio” kaj estis solene akceptitaj.

Matene la 13-an de septembro ni ku-

niĝis apud Eterna fajro sur la bulvardo Venec (en la centro de la urbo), bruligis la torĉon de Amikeco kaj kuradis tra la urbo ĝis Parko de Venko (7 km). Ŝoforoj kaj preterpasantoj salutis nin admire. Dezirinte bonŝancon kaj bonan veteron al novaj amikoj kaj promesinte ankoraŭfoje vidi ilin, mi finis mian kuradon.

Unuafoje mi kuris tra Uljanovsk kaj nia regiono kun verda flago kaj en Esperanto-kluba ĉemizo. Multfoje oni demandis min, al kiu lando apartenas tiu ĉi flago. Mi respondis: "Amikoj, ne turnu globuson, ne serĉu tiun landon sur mapo. Ĝi ne havas limojn, ĝiaj mirindaj loĝantoj – esperantistoj – apudas. Tiu tutmonda lando nomiĝas Esperantujo. Ankaŭ vi povos esti gia loĝanto. Aligu!"

***Sergeo Abramov (Uljanovsk)***

## 4-a MEZORIENTA KUNVENO OKAZOS EN IRANO

La Komisiono de UEA pri la Meza Oriento kaj Norda Afriko (MONA) invitas al la 4-a Mezorienta Kunveno, kiu okazos en Karaĝo, Irano, de la 25-a (vendrede vespere) ĝis la 29-a (marde vespere) de marto 2011. La temo de tiu ĉi pionira aranĝo de UEA en Irano estos "Esperanto sur la Silka Vojo". Ĝi estigos maloftan eblecon renkonti samideanojn el diversaj landoj de la Meza Oriento (tamen invitataj estas ankaŭ partoprenontoj el ĉiuj aliaj mondpartoj), interkonatiĝi, pridiskuti gravajn kaj interesajn temojn kaj ankaŭ iomete turismi en la gastiga lando. Dezirantoj ekskursi al vizitindaĵoj povos fari tion kune antaŭ aŭ post la kunveno.

Reta aliĝilo, informoj pri la kunveno kaj pri loĝado kaj aliaj detaloj troveblas ĉe <www.arabujo.org/mk/2011/starto.php>. Kaze de problemoj aŭ demandoj oni povas turni sin retpoŝte al <mezorienta.kunveno@esperanto.org>.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## PASKO 2011 – IJF 2011

Ĉu vi jam havas ion planitan por Pasko 2011? Ĉu ne?! Do, tuj aliĝu al IJF 2011, la plej mojosa junulara renkontiĝo en la tuta Esperantio! Internacia Junulara Festivalo 2011 okazos en Pornassio, montara urbeto en la provinco de Imperio, en Ligurio, nur 30 km distance de la maro! De la 20-a ĝis la 26-a de aprilo 2011 pli ol cent junuloj, italoj kaj eksterlandanoj, renkontiĝos por pridiskuti la temon "Vojaĝantaj generacioj", sed ankaŭ por amikumi kaj amuziĝi en junulara, internacia etoso. La programo abundos je interesaj kontribuoj, prelegoj, tablorondoj, laborgrupoj, ludoj, koncertoj, ekskursoj, kaj multo alia! Kiel kutime: kiu plej baldaŭ aliĝas, ricevas rabaton, do vizitu la paĝon <http://iej.esperanto.it/ijf/2011/index.eo.php> por pli da informoj, plenigu la aliĝilon, kaj ne forgesu inviti viajn amikojn!

***Informitale***

## IKU INVITAS PRELEGONTOJN

Dum la 96-a UK en Kopenhago okazos la 63-a sesio de Internacia Kongresa Universitato. UEA invitas universitatajn profesorojn, docentojn kaj personojn kun simila kvalifiko sendi proponojn de prelegoj al la sekretario de IKU, *prof. Amri Wandel, PK 767, IL-71799 Makabim, Modiin, Israelo*; rete <amri@huji.ac.il>, ĝis la 31-a de januaro 2011 (sed prefere pli frue).

Lige kun IKU okazos studsesio de Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS) kunlabore kun UEA. Proponantoj de IKU-prelego rajtas samtempe proponi AIS-

kurson, kies unua prelego estos parto de IKU kaj kiu aldone havos du daŭrigajn prelegojn. Oni bv. indiki, ĉu la IKU-propono estu konsiderata ankaŭ kiel AIS-kurso.

La prelegoj estu pri interesaj, allogaj temoj kaj taŭgaj por klera publiko. Prelegoj lige kun la kongresa temo "Dialogo kaj interkompreno" estos aparte bonvenaj. Ĉiu propono enhavu mallongan resumon de la prelego kaj koncizan biografieton de la preleganto (kune ne pli ol unu paĝo). La proponoj estos prijuĝataj de la IKU-komisiono, kaj sekve la Estraro de UEA decidos, kiuj estos akceptitaj. La proponintoj estos informitaj pri la decido ĝis la 30-a de aprilo 2011. La sukcesaj kandidatoj devos sendi kompletan tekston de siaj prelegoj al UEA ĝis la 31-a de majo 2011 por publikigo en la IKU-libro.

Ĉiu preleganto devas esti kongresano kaj mem zorgi pri sia aliĝo. Prelego estos rekompencita per honorario 250 eŭroj. Pliaj detaloj kaj antaŭaj IKU-prelegoj kaj – resumoj troviĝas en la IKU-paĝo <uea.org/dokumentoj/iku>.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***




La 25-an de novembro Uljanovska E-klubo partoprenis regionan virinan forumon, al kiu ĝi estis invitita. La klubo prezentis Esperanton kaj la kluban agadon. La aranĝon ĉeestis kvin klubanoj. Pro la partopreno nia klubo ricevis dankleteron. La ĉefa motoro de tiu prezento estis Sergej Abramov. Ni dankas vin, Sergej!

***Margarita Karceva (Uljanovsk)***

## LA PLEJ MALBONA TAGO DE MIA VIVO

Ŝmuel sidis vespere en la drinkejo, longe rigardante sian plenan bierglason. Tiam pasis grandega bubviro, kiu subite prenis la glason de Ŝmuel, eltrinkis ĝin kaj komencis ridegi. Ŝmuel komencis plori laŭte.

"Kio okazas al vi, ulo", demandis la grandegulo, "mi nur iom ŝercis."

Ŝmuel: "Vi eĉ ne povas imagi al vi kiom teruran tagon mi havis. Matene mia estro sciigis, ke li maldungas min. Mi kuris hejmen kaj trovis tie mian edzinon kun mia plej bona amiko. Mi eliris kaj trovis, ke oni ŝtelis mian aŭton kun la monujo kaj ĉiuj miaj dokumentoj. Hodiaŭ estis la plej terura tago en mia vivo. Mi decidis memmortigi, aĉetis venenon, venis ĉi tien, metis la venenon en la bieron kaj intencis baldaŭ trinki ĝin, sed tiam vi venis kaj trinkis ĝin. Nu, sufiĉe pri mi. Rakontu vi kiel pasis via tago."

***juda humuraĵo de Josef Shemer***

## NOVAJ LIBROJ DE "IMPETO"

***Rubem Fonseca.*** **Vastaj emocioj kaj neperfektaj pensoj.** *El la portugala tradukis Rogério Ferreira. – Moskvo: Impeto, 2010. – 304 paĝoj. ISBN 978-5-7161-0217-0.*

Talenta kinoscenaristo nokte malfermas la pordon de sia loĝejo al nekonata dikulino, persekutata de krimuloj. Ŝi tranoktas, matene foriras, lasinte negrandan pakaĵon. La kinoscenaristo, tenata de aliaj zorgoj, plene forgesas pri la okazintaĵo. Sed la dikulino, Angélica, telefone memorigas pri si, petante tre zorge gardi la lasitan pakaĵon. Sekvatage la kinoscenaristo ekscias el televida elsendo, ke Angélica estas murdita. En la lasita pakaĵo troviĝas buntaj juveletoj, ĉiu el kiuj havas grandan valoron, entute – milionoj de dolaroj. Sed la smeraldoj apartenas al kontrabandistoj, kies gvidanto preparas el la valoraj ŝtonoj pulvoron kaj manĝas ĝin...

***

Talenta kinoscenaristo ricevas mendon de germana profesoro fari scenaron laŭ la rakontoj de la rusa verkisto Isaak Babel. La temo plene okupas la kinoscenariston, rakontoj el "Ruĝa Kavalerio" de Babel persekutas lin tage-nokte. Por finfari la scenaron li estas invitita al Okcidenta Berlino. Evidentiĝas, ke la scenaro ne estas la sola celo de la profesoro. Li persvadas la kinoscenariston kun granda monsumo kaŝita en la vesto viziti Orientan Berlinon. La veturo estas danĝera, la celo estas manuskripto de nepublikigita romano de Babel, ŝtelita el speciala fako de Lenin-Biblioteko. La aventuro pasas ne glate, tamen finiĝas sukcese, sed la kinoscenaristo ne transdonas la manuskripton al la profesoro kaj kaŝe forprenas ĝin en Brazilon. Li volas helpe de sia amiko, hebreo Gurian, iama elmigrinto el Odeso, malkovri la sekreton de la cirillitera manuskripto...

***

Estas du paralelaj linioj en la romano, la unua – krimaventura, la dua – plena de emociaj reagoj al la ĉirkaŭanta nin mondo, de mizerikordo kaj kunsentoj. Legintoj de la romano rakontas, ke traleginte la unuan paĝon, oni jam ne povas halti ĝis la lasta.

***Aleksandr Ŝevĉenko (Moskvo)***

***Mikaelo Bronŝtejn.*** **Urbo Goblinsk.** *Originala romano. Pentristino Anna Striganova. – Moskvo: Impeto, 2010. – 304 paĝoj, bindita. ISBN 978-5-7161-0218-7.*

"Urbo Goblinsk" estas trafa atesto pri la eventoj, kiuj okazis kaj okazas daŭre en eksa Sovetunio post ĝia disfalo. La romano rakontas pri tio, kion multaj el ni travivis: privatigo de fabrikoj, perdo de laboro, elmigrado kaj vizitoj de eksterlandanoj, potenco de krimuloj... Ankaŭ la ĉiutaga vivo estas priskribita per simpatia ra-

konta maniero... Legante la romanon oni povas rememori, miri, timi, ridi, esti kolera kontraŭ la situacio kaj kompata al herooj, kelkfoje ne kredi, ke tio eblas, kelfoje konscii, ke ĉio eblas, kiam temas pri mono kaj povo. Verŝajne, reagoj de legantoj estos malsamaj, depende de tio el kiu mondoparto ili venas, sed sendube estas interese legi la libron, kiu respegulas la aktualan, nunan tempon, kiu prezentas karakterojn de diversaj sociaj tavoloj, en kiu agas ankaŭ esperantistoj.

***Gražina Opulskiene (Litovio)***

***Tatjana Auderskaja.* La mondo en guto da akvo.** *– Moskvo: Impeto, 2010. – 104 paĝoj, ilustrita. ISBN 978-5-7161-0213-2.*

La aŭtoro de la tria libro el la serio "Familia biblioteko", doktoro pri biologio Tatjana Auderskaja, en populara formo rakontas al esperantistoj pri la mondo de mikroskopiaj estaĵoj, kiuj loĝas en guto da akvo. La libro enhavas nigro-blankajn fotojn preskaŭ sur ĉiu paĝo.

***Vladimir Edelŝtejn.* Kanto pri falko.** *Elektitaj tradukoj. – Moskvo: Impeto, 2010. – 80 paĝoj. ISBN 978-5-7161-0219-4.*

La aŭtoro de la kolekto, Vladimir Aleksandroviĉ Edelŝtejn, estas pasia ŝatanto de poezio. Veterano de du militoj, li eksciis pri Esperanto jam en 1938, sed pro totalaj persekutoj komence kontraŭ esperantistoj, poste kontraŭ kosmopolitoj li revenis al la lingvo nur post multaj jardekoj. En la kolekto estas tradukitaj poemoj de A.Puŝkin, M.Lermontov, V.Majakovskij, M.Gorjkij, Lesja Ukrainka kaj multaj aliaj famaj rusiaj kaj ukrainiaj poetoj.

## "KAJTO" – VERKO DE LA JARO 2009

"Kajto", eldonita de "Impeto" en Moskvo en 2009, gajnis la koncernan premion "La Verko de la Jaro", asignitan de la abonantaro de "Literatura Foiro" pri la originala poezio de la lasta jarduo. La aŭtoro, Mikaelo Bronŝtejn, estas ruslingva hebreo konata pro sia kanta kaj muzika aktiveco, kaj ankaŭ pro pluraj verkoj proze kaj poezie. La poemaro en "Kajto" estas stampita per la kantista sperto de Mikaelo Bronŝtejn, kiu de multaj jaroj bardas en esperanto oriente kaj okcidente. Tial la rima melodieco kaj la ritma kantebleco pli gravas ol la spurado de novaj stilfiguroj, kvankam la leciono de Raymond Schwartz ŝajne havas sian influon: "... venta vant' / senmoka mokversaro / Dum mia vivo mi fajfis pri rangoj, postenoj, fajfus mi plu ankaŭ nun, sed forfalis la dentoj...". Kaj des pli, se kun gitara akompano, kiam temas pri nia lingvo mem: "Ĉar la atakoj kontraŭ ni, / eĉ malspritaj, / signifas nur, ke estas ni / rimarkitaj! / Kaj se rimarkas nin publik' / jen espero, / ke plu progresas, ho, amik', / la afero!".

Kabaretisto sen propra kabareto, Bronŝtejn travivis la oran SEJM-an epokon kaj la arĝentan postsovetian. Ankaŭ liaj hararo kaj barbo jam arĝentas, eĉ blankas, sed rezistas ia fiera spito: "Aŭtun', viaj vokaj ventoj / en for' antaŭ mi koboldas... / Finiĝas nia somero, / sed sentoj ne oldas". Ĉi tiu 176-paĝa poemaro kvazaŭ kronas lian spertaron de preskaŭ vagabonda muzikanto. Certe, voĉdonante por "Kajto", pluraj legantoj de "Literatura Foiro" memoris pri lia voĉo kaj lia personeco, aprezitaj dum esperanto-aranĝoj.

***Giorgio Silfer (el HeKo, 452 2-B, 29 aŭg 10)***

## "BAZA ESPERANTA RADIKARO" REAPERIS

Unu el la plej furoraj eldonaĵoj de UEA, *Baza Esperanta radikaro*, estas denove havebla. Tiu ĉi verko de Wouter F. Pilger (1942-2006) estas kvazaŭ miniatura PIV, per kiu oni ne nur lernas vortojn sed ankaŭ ekpensas en Esperanto. *Baza Esperanta radikaro* enhavas pli ol 2900 radikojn, kiujn ĝi klarigas per kutimaj kaj elementaj Esperanto-vortoj. Post la spertoj kaj komentoj pri la unua eldono, Pilger precizigis aŭ plilarĝigis ĉ. 850 klarigojn kaj aldonis 260 radikojn, i.a. pri la homa korpo, sano kaj malsano, bazaj nutraĵoj, hejma tekniko, bestoj kaj plantoj. Ĉe multaj kapvortoj li menciis pliajn signifojn aŭ ties nuancojn, aŭ aldonis memorhelpajn detalojn kaj ekzemplojn de kunmetaĵoj. Akademiano Boris Kolker, kiu aŭtoris alian furorlibron de UEA, *Vojaĝo en Esperanto-lando*, karakterizis la vortaron de Pilger: "Tiu ĉi simpla Esperanta-Esperanta vortareto estas trezoro por komencintaj kaj daŭrigantaj esperantistoj. Ĝi kutimigas pensi rekte en Esperanto kaj rapide progresi en libera rego de la lingvo." Kvankam la nova eldono havas 10 pliajn paĝojn, entute 169, kaj aperas naŭ jarojn post la unua, ĝia prezo plu restas 7,50 eŭroj. Ekde 3 ekzempleroj oni ricevas trionan rabaton. Al la prezo aldoniĝas la kutimaj sendokostoj.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## BELARTAJ KONKURSOJ DE UEA EN 2011

La gvida Esperanta artkonkurso, la Belartaj Konkursoj de UEA, invitas partoprenantojn por la 62-a fojo. La rezultojn oni anoncos en la 96-a Universala Kongreso en Kopenhago. Partopreno estas libera al ĉiuj kaj ne ligita al partopreno en la UK nek al membreco en UEA. La konkursaĵoj devas esti neniam antaŭe publikigitaj en ajna formo, escepte de la branĉoj ***Infanlibro***, ***Filmo*** kaj ***Kanto***. Oni rajtas sendi maksimume tri konkursaĵojn por sama branĉo. Validas krome jenaj kondiĉoj:

***Poezio***: maksimuma longo ne fiksita.

***Prozo***: maksimuma longo 200×65 karaktroj (kvino da paĝoj).

***Teatraĵoj***: maksimuma longo ne fiksita.

***Eseo***: teme ligita kun Esperanto aŭ kun la kongresa temo "Dialogo kaj interkompreno", proksimuma longo 400×65 karaktroj (deko da paĝoj). La unua premio nomiĝas "Luigi Minnaja".

***Infanlibro de la Jaro***: originala aŭ tradukita libro por infanoj presforme aperinta en 2010. Unu premio.

***Filmo*** kaj ***Kanto***: La juĝantoj priatentos la produktojn aperantajn sur la Esperanto-scenejo en tiuj du branĉoj kaj, se ili opinias iun verkon valora, ili atribuos la koncernajn premiojn. Aŭtoroj povas ankaŭ mem proponi siajn verkojn (vd. la regularon). Se temas pri jam publikigitaj verkoj, la publikigo devas esti okazinta en 2010.

Ĉiujn konkursaĵojn – en unu ekzemplero, escepte de tiuj por la branĉo ***Infanlibro***, kiujn oni devas havigi en kvar ekzempleroj – oni sendu al Belartaj Konkursoj de UEA, ĉe *Michela Lipari, viale Giulio Cesare 223, IT-00192 Roma, Italio* aŭ prefere rete al

Furioza kliento enkuris vendejon kriante al la vendisto: "Kian ŝtofon vi vendis al mi? Mia tajloro diris, ke ĝi estas la plej malbona varo!"

Vendisto: "Kion vi diras? Bonvolu trankviliĝi. Vi estas feliĉulo. Vi havas nur 3 metrojn de tiu ĉi ŝtofo, sed mi havas plenan magazenon..."

***juda humuraĵo de Josef Shemer***

<michela.lipari@tiscali.it>, indikante pseŭdonimon por gardi la anonimecon de la aŭtoro. La absoluta limdato por la ricevo de konkursaĵoj estas la 31-a de marto 2011. Premioj: unua premio – 240 eŭroj, dua premio – 168 eŭroj, tria premio – 96 eŭroj; Nova Talento – 168 eŭroj; Infanlibro de la Jaro – 504 eŭroj. Detala regularo haveblas ĉe UEA kaj legeblas ankaŭ ĉe <uea.org/dokumentoj/belartaj_konkursoj_regularo.html>.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## NU, KAJ DO?

Sen Rodin estas plumnomo de italo Filippo Franceschi, emerita instruisto kun variaj interesoj kaj du gefiloj – denaskaj esperantistoj. Li lernis Esperanton en 8-jara aĝo, kaj jam dum la 70 jaroj ĝi restas por li "la unua lingvo de la koro". Dum tiuj jaroj li vivis en diversaj landoj kaj multon spertis. Li verkis rakontojn kaj eseojn ekde 1956, sed ne estis rimarkata en E-literaturo. Lia unua libro – "Bildoj pri norda lando kaj aliaj rakontoj" aperis nur en 2006.

La nuna volumo **"Nu, kaj do?"** enhavas – kiel asertas la subtitolo – rakontojn, raportojn, recenzojn, revojn (plejparte la materialoj jam estas publikigitaj dise en gazetaro, bedaŭrinde mankas konkretaj indikoj pri tio). Vere admirindas, ke 78-jara homo ne nur rakontas pri pasintaĵoj, sed ankaŭ revas... kaj iam ne facilas distingi inter revo kaj realo. Tamen, ĉu en la rakonto aperas pura vero, ĉu miksita kun fantazio – la aŭtoro ĉiam restas absolute sincera kaj junece verva.

La temoj estas plej diversaj. *"Perdita Ŝanco"* estas rakonto en formo de letero al iama lernej-amiko, dekomence real-aspekta, poste ĉiam pli fabeleca. La aŭtoro vizitas iun foir-ekspozicion, vagante tie solvas malfacilan geometrian taskon (la koncerna desegnaĵo videblas sur la kovrilpaĝo) – kaj pro tio ricevas ŝancon transloĝiĝi en mondon de feliĉo... Legu kaj pensu: kion envere volis diri la aŭtoro?

*"Sekso en scienca liceo"* (jam aperinta en ret-revuo "Mirmekobo") traktas okazon en liceo de malgranda urbo. Ne trompu vin la loga titolo, fakte ne pri tio temas...




*"La ŝtelo-manao"* (presita ĉi-jare ankaŭ en novelkolekto "Vizaĝoj") estas pens-instigaj rememoroj de maljuna instruisto pri iama progresema eksperimenta lernejo kaj solvo de morala problemo. (Eble necesus iom da klarigoj pri itala lernej-sistemo.)

*"La terno"* estas akra satiro absurdiga pri nuna sekurec-manio en aviado.

Sen Rodin rakontas epizodojn el sia vivo, iam en formo de letero al amiko. Por mi aparte korproksima estas la historio pri lia edziĝo al Júlia Sigmond, same talenta Esperanto-verkistino. Ili trovis unu la alian jam en tre solida aĝo, venkis multajn problemojn por definitive kuniĝi... Ĉu vi kre-

das, ke rusia burokrata sistemo estas la plej obstinaĉa en la mondo? Ankaŭ mi tiel opiniis... Do legu pri la rumana (*“Sankta Maria”*). Ĉu vi opinias, ke rusia poŝto estas la plej aĉe funkcianta? Legu pri la itala (*“Moderna poŝto”, “Honesteroj en poŝtejo”*)!

Granda parto de la libro estas dediĉita al nia “verda mondo”. La aŭtoro kun kora varmo rememoras pri Madeleine de Zilah; komparas diversajn Esperanto-tradukojn de “Pinokjo”, klarigante specifaĵojn de la itala originalo. Li analizas misopiniojn pri Esperanto, montrante stultecon kaj malhonestecon de iama itala revoluciulo Antonio Gramsci; arde oponas al la skandala libro de Tazio Carlevaro “Ĉu Esperanto postvivos la jaron 2045?”. Jes, mondaj potencoj neniam oficiale trudos Esperanton – ***Nu, kaj do?*** Homoj sukcese uzas ĝin dum 120 jaroj, eĉ se por iom aliaj celoj, ol imagis Zamenhof... Recenzo pri la libro de Ignat Bociort “Esperanto” estas fakte ties resumo kaj kunrezonado pri historio de E-o en Rumanio, ankaŭ pri problemoj kaj misoj de nuna E-movado.

Sekvas leĝera Beaucaire-eska humuraĵo mokanta lingvoreformemulojn kaj alia humuraĵo malpli lerta.

*“Vivu la mestizeco!”* estas ekzalta laŭdego al Barack Obama, kun kies prezidentiĝo en 2008 kvazaŭ venis principe nova epoko por la homaro, de kunfratiĝo anstataŭ konkurenco, kaj tio kvazaŭ promesas iajn favoraĵojn por Esperanto, “la plej mestiza el ĉiuj lingvoj”. Post du jaroj ni klare vidas la senbazecon de la esperoj kaj malkonvenecon de tiu panegiro...

Plue, Sen Rodin skribas pri rumania urbo Kluĵo, kie li nun loĝas kun la edzino. Li tre ŝatas la urbon, admiras ĝin, sed vidas ankaŭ problemojn... Li rezonas pri la milit-operacio “Fandita plumbo”: bedaŭrinde, anstataŭ funde kaj objektive esplori la aferon, serioze pripensi – li nur ripetas demagogiajn kliŝojn, do tute ne eblas konsenti kun liaj konkludoj.

Librofine troviĝas recenzoj pri libroj gravaj en monda kulturo: *Fraŭlino Maitreyi* de Mircea Eliade kaj *Mediteranea breviero* de Predrag Matvejeviĉ, ambaŭ tradukitaj al multaj lingvoj; ankaŭ pri la filmo de Luchino Visconti “La Gepardo”. Kaj – eĉ du recenzoj pri “memorspertoj” de Eugène de Zilah *Kaj kiu pravas*, libro bedaŭrinde ne sufiĉe atentata de vasta publiko, filozofia, sed alloga, ĉar “ĉiuj cititaj problemoj ne estas teorie traktataj, sed fontas el la realaj travivaĵoj de la aŭtoro”.

Finas la libron la *Biologia testamento* de la aŭtoro. Oni povas malaprobi ĝin, sed devas respekti.

Sur la kovrilpaĝo troviĝas desegnaĵo por geometria tasko el “Perdita Ŝanco”, vinjetoj laŭ ĝi ornamas multajn paĝojn. Ceteraj bildoj en la libro (desegnis Serena Franceschi, evidente filino de la aŭtoro), malgraŭ la subtitoloj, fakte ne havas ion komunan kun la tekstoj, kelkaj estas tute abstraktaj.

La preskvalito estas bonega, tamen da preseraroj estas iom pli, ol decus.

Donald Broadribb en la antaŭparolo rekomendas “legi la rakontojn/eseojn/artikolojn en la ordo laŭ kiu ilin prezentas la libro mem”, kaj fine konkludas: “Ĉu vi amos ĉion en ĉi tiu libro? Neniel. Neniu homo povas plaĉi al ĉiu homo senescepte pri ĉio. Ĉu vi legos ĉi tie ion memorotan? Jes ja.” Mi subtenas.

***Valentin Melnikov (Moskvo)***

# Poeziaj fragmentoj el la libro “Kiel la homo ekis pensi”

*Kiam mi verkis la libron “Kiel la homo ekis pensi” (eseoj pri la antikva greka filozofio), kiu devos aperi en la eldonejo “Impeto” en la sekva jaro, mi kunpuŝiĝis kun neceso prezenti kelkajn citaĵojn el la grekaj aŭtoroj, verkintaj en la poezia formo. Sed plejparte iliaj tradukoj al Esperanto estis treege malkontentigaj aŭ tute ne ekzistis. Do, mi, preninte subliniajn tradukojn al la rusa kaj ekzistantajn diversajn rusajn tradukojn, esperantigis kelkajn necesajn pecojn. Mi esperas, ke iuj el la rezultintaj tradukoj povas havi propran intereson al la ŝatantoj de literaturo, kaj tial aŭdacas prezenti ilin al legantoj de REGo.*

***Nikolao Gudskov (Moskvo)***

***Arĥiloĥo (mezo de la -7-a jc.)***

***

*Koro, koro! Enviciĝis are plagoj antaŭ vi –*
*Pliviglîĝu kaj kuraĝe vi disbatu ilin tuj!*
*Estu ĉirkaŭ nur embuskoj – vi ne tremu pro timem’.*
*Se vi venkos – via venko ne pretekst’ por fanfaron’,*
*Ĉe malvenk’ – ne ĉagreniĝu kaj ne ploru en sekret’.*
*Ne tro ĝoju pro sukceso, ne malĝoju tro pro plag’,*
*Sed ekkonu ritmon, kiu kaŝas sin en homa viv’.*

***Solono el Ateno (proksimume -635 – -559)***

***

*Knabo malgranda, apenaŭ konscia kaj febla,*
*Perdas dentaron unuan fine de la sepa jar’;*
*Sepon ankoraŭ vivinte, aperas la adoleskulo*
*Kiu komencas riveli signojn de posta matur’.*
*Dum tria sepo junulo kreskas rapide, fortiĝas,*
*Barbo aperas, de haŭto ankaŭ ŝanĝiĝas kolor’,*
*Kaj en la sepo sekvanta disfloras la forto de l’ korpo,*
*Kaj la bravecon riveli povas li jam sen hezit’.*
*Dum kvina sepo la vir’ devas nepre edziĝi*
*Por daŭrigi la genron pere de propra infan’,*
*Tamen la saĝo maturas nur dum la sesa jarsepo,*
*Kiam la homo kapablas ĉion plenumi en ord’.*
*Dum sepa sepo disfloras jam ĉiuj viraj kapabloj,*
*Kaj la disfloro plu daŭras ankaŭ dum oka sepjar’,*
*Sed dum la naŭa febliĝas eblecoj de l’ saĝo kaj korpo,*
*Por la plej gloraj aferoj tempo elĉerpas sin jam.*
*Sed se sukcesas la homo fini la dekan jarsepon,*
*Tiam ne estas por li frua la paca forpas’.*

***Ksenofano el Kolofono (proksimume inter -580 kaj -485)***

***

*Puras jam planko, kaj manoj, kaj belaj pokaloj;*
*Unu la kronojn plektitajn surmetas,*

*Alia proponas en larĝa kaliko odoran oleon.*
*Plena de gajo en ĉambro staras grandega kratero[1];*
*Ankaŭ en vazoj argilaj alia jam pretas la vino:*
*Dolĉa, aroma je floroj, kaj neelĉerpebla.*
*Meze incenso fumetas kun sankta odoro,*
*Ankaŭ la akvo malvarma bongusta kaj pura ĝojigas,*
*Panoj orkrustaj videblas sur la riĉa tablo,*
*Kiu kraketas sub pez' de miel' kaj fromaĝo.*
*Sankta altar' ornamita de floroj troviĝas en centro;*
*Kantoj kaj dancoj plenigas jam la tutan domon.*
*Sed por komenco la viroj bonordaj glorigu la dion*
*Per la konvenaj paroloj kaj vortoj plej belaj kaj puraj.*
*Post la ofero de vino kaj preĝo pri forto,*
*Kiu necesas por faro de bono, por deca konduto,*
*Trinku senzorge, sed nur ĝis la grado modera,*
*Kiu permesas reveni al hejmo sen helpo de sklavo,*
*Helpo por iri ja indas al homo nur plene kaduka.*
*Viron laŭdindan eĉ vino ne faras malbona,*
*Ĝi ne forprenas memoron kaj strebon al vero.*
*Kanto post vino ja peko ne estas, sed tamen*
*Kanti malendas pri luktoj Titanaj, Gigantaj*
*Kaj de Centaŭroj – fabeloj pratempaj kaj stultaj,*
*En la militaj poemoj estas stimul' al kruelo,*
*Sola utilo troviĝas nur en medit' pri dieco.*

**[Pri sporto]**

*Se per piedrapideco iu ja gajnos konkuron,*
*Aŭ en kvinspeca konkur' apud la templo de Zeŭs'*
*En Olimpio ĉe bord' de la rivero Pisi'*
*Estos unua, aŭ en la lukto per pugnoj,*
*Aŭ en terura pankrato[2] – tuj inter la samurbanoj*
*Tiu fariĝas plej glora, lokon okupas honoran,*
*Kaj ricevadas nutraĵon el komunuma proviz',*
*De la civit' por memoro alvenas valoraj donacoj;*
*Venkas se liaj ĉevaloj – estos la sama rezult'!*
*Tamen kompare al mi li tion neniom meritas,*
*Ĉar mia arto poeta valoras centoble ol lukt'.*
*Stultas la moro, maljustas tia prefero de forto*
*Al la benita sagaco de la poeto-saĝul'.*
*Pro la ĉeest' en civito de bona per pugnoj luktanto,*
*Aŭ en kvinspeca konkuro, aŭ en kurado venkant'.*
*Ordo kaj leĝo ne gajnos, urbo ja ne plibeliĝos,*
*Kaj la trezor' komunuma restos sen kresko de riĉ'.*

---

[1] Kratero – granda vazo por vino, kratero de vulkano estas nomita tiel pro ĝia simileco al la larĝa gorĝo de la vazo.
[2] Pankrato – kruela lukto kun uzo de pugno kaj piedbatoj.

**[Epigramo pri Pitagoro kaj metempsiĥozo]**

*Foje li iras, kaj vidas, ke jelpas hundeto pro batoj.*
*Li ekkompatis ĝin, kaj – sekvis la jena parol':*
*"Ĉesu turmenti la beston, ĝi jelpas per voĉ' de amato,*
*Estas ĝi kara por mi la forpasinta amik'".*

**[Pri kredo je dioj]**

*Kio por homoj hontendas kaj malaprobendas,*
*Tion al dioj Homer' atribuis, kaj eĉ Heziodo:*
*Ŝteli, kaj kokri, kaj trompi kun ruzo konstante.*
*...*
*Se la ĉevaloj aŭ bovoj aŭ ŝafoj ekhavus la manojn,*
*Kaj per la manoj komencus ili desegni kaj modli,*
*Dioj ĉevalaj rezulte similus sendube ĉevalojn,*
*Dioj de bovoj rezulte aspektus ja kiel la bovoj.*
*Ĉiam la dioj similas nepre al siaj kreintoj.*
*...*
*Nigraj, larĝnazaj prezentas la diojn la negroj,*
*Kaj bluokulaj blonduloj desegnas la diojn la trakoj.*
*...*
*Veron precizan neniu sciis kaj scias kaj scios*
*Inter la homoj pri dioj kaj ĉio pri kio mi pensas:*
*Se iu povas sukcesi ĝustaĵon foj-foje eldiri,*
*Do tio nur pro konjekto, ne – pro la scio de l' vero.*

***Kritio (-460 – -403)***

**[Pri deveno de religio (fragmento el ne konserviĝinta tragedio)]**

*Kiam la viv' de homoj estis simpla,*
*Besteca kaj regata nur de forto,*
*Kiam bonul' ne havis rekompencon*
*Nek malbonulo spertis ian venĝon,*
*Tiam la homoj por justeco leĝojn faris*
*Por puni perturbantojn de la ordo,*
*Por ke krimulon eblu ekzekuti.*
*Sed kiam leĝ' perforton malpermesis*
*Malkaŝe fari, ĝi ekfloris kaŝe.*
*Do, iu vir' sagaca kaj saĝega,*
*Inventis diojn por la homojn bridi:*
*La maliculoj pro la tim' ne povu*
*Malbonon fari, diri, pensi, sonĝi.*
*Jen kiel li konceptis pri la dio:*
*Ekzistas ie iu eternulo,*
*Kapabla ĉion vidi, aŭdi, pensi,*
*Zorgema, kun naturo supereca.*
*De la mortuloj li perceptas agojn,*

En litvagono noktis rabeno kaj katolika pastro.

Matene rakontas la pastro: “Mi sonĝis, ke mi estas en la juda paradizo. Ĉie regis fiodoro, malordo, malpureco, bruo kaj ĥaoso, kaj estis multege da homoj.”

“Tio estas interesa”, respondis la rabeno. “Mi havis similan sonĝon, sed mi sonĝis ke mi estas en la katolika paradizo. Ĉie estis belaj floroj, koloraj birdoj, agrablaj odoroj kaj serena etoso. Sed mankis homoj.”

***juda humuraĵo de Josef Shemer***

*Kaj ankaŭ pensojn eĉ ne eldiritajn,*
*Do kaŝi la malbonon estus vane.*
*Instruon tiun la saĝul’ proklamis,*
*Kaj estis ĝi mensoga, sed utila.*
*La homojn li mirigis jen pro kio:*
*Li metis la loĝlokon dian tien,*
*De kie venas la plej gravaj timoj*
*Kaj same ĝuoj plej agrablaj venas –*
*Al la ĉiela sfer’, naskanta fulmojn*
*Kaj tondron bruan, elvokantan tremon,*
*Kaj stela bril’ la vivon ornamegas,*
*Kaj pluvo varma, fonto de rikolto...*
*Do, timojn per fabelo ordiginte,*
*Li dion tiel firme jam establis;*
*Per sia saĝa, ruza inventaĵo*
*Estingis li eksplodojn de perforto.*
*...*
*Mi pensas, tiel iu en komenco*
*La homojn kredi diojn ja konvinkis.*

***Epigramoj de la helenisma epoko (-3 – -2 jc.)***

**Pri la sep saĝuloj**

*Listo de sepo saĝula – nomoj, eldiroj kaj lokoj:*
*“Estas plej grava mezuro” – parolis el Lind’ Kleobulo;*
*“Nepre ekkonu sin mem” – spartano Ĥilono predikis;*
*“Bredu koleron” – admon’ de Periandr’ el Korinto;*
*“Pri l’ superflua rezignu” – diraĵ’ de Pitak’ Mitilena;*
*“Vidu de l’ vivo la finon” – Solon’ el Ateno ripetis;*
*“La malbonuloj plimultas” – Biant’-prienano eldiris;*
*“En garantio danĝer’” – vort’ de Tales’ el Mileto.*

**Pri Heraklito kaj Demokrito**

*Vi, Heraklito, priplorus nun la ekziston de homoj*
*Pli ol antaŭe – ĝi estas multoble pli plena de plag’.*
*Vi, Demokrito, pri ĝi ridus pli laŭte ol iam –*
*Ĉiam pli vivo fariĝas inda al nura primok’.*
*Kaj admirante saĝegon, ne scias mi kion elekti:*
*Plori ĉu kun Heraklito aŭ ridi ĉu kun Demokrit’?*

## *Adalbert von Chamisso (Louis Charles Adélaïde de Chamisso de Boncourt, 1781-1838)*

**Soneto pri la teoremo de Pitagoro** (el la germana)

*La vero restas por la homoj ĝis eterno,*
*Se ĝi aperis foje en la mond’,*
*Kaj de la jaroj foririntaj ond’*

*Ne viŝos de la teoremo kernon.*
*Pro ĝojo Pitagoro dankis al la dioj.*
*De danko lia estis jena manier':*
*Cent bovojn buĉis filozofo por ofer',*
*Kaj akompanis ĝin per laŭdaj krioj.*
*De tiu tempo se nur aŭdas bovoj,*
*Ke homoj saĝaj venas al invent',*
*Atendas, ke proksimas mortturment',*
*Pro tim' paraliziĝas ĝis senmovo,*
*Proteste muĝas, plendas al la vent'.*
*La tim' pri Pitagor' ja tian havas povon.*

---



## *Antonina Bokarjova*
# Pri la sekso, amo kaj sublimado
***Eseo***

**El la rememoroj**

Kio estas la amo? Tiu demando estas unu el la plej gravaj kaj eternaj por ĉiu homo. Certe, ankaŭ min tiu problemo tre interesis. Kiam mi aĝis ĉirkaŭ 14 jarojn, mi hazarde trovis kaj tralegis libron, kiu multege impresis min, influis dum mia tuta vivo la konceptojn de vivo kaj de amo. Tiu libro estis "Maksimoj" de François de La Rochefoucauld. Iomete paradoksaj kaj pesimismaj, ili ŝajnis al mi supro de saĝeco. Inter ties esprimoj pri amo estas, ekzemple: "En amaj aventuroj estas ĉio, krom la amo" kaj "Amo enhavas multajn sentojn, reale neniel rilatantajn al ĝi". Krome, unu el la plej saĝaj libroj pri amo miaŝajne, tralegita jam en matura aĝo, estas "Danĝeraj ligoj" de Choderlos de Laclos, el kiu mi faris iujn elskribaĵojn, eĉ provis ilin esperantigi, al tiuj mi revenos iom poste. Do tio estis mia libra koncepto de amo, vere, tute ne koincidinta kun la reala vivo.

En la reala vivo ĉio estis pli komplika.

Ĉiuj niaj penoj kaj ĝojoj originas el la infaneco. Ial reviviĝo de niaj iamaj emocioj, ligitaj kun nia estinto, feliĉigas nin: iu odoro, percepto, impreso, delonge forgesita, sed subite aperinta. De tie venas ĉarmo de malnovaj filmoj, malnovaj fotoj, malnovaj manskribaĵoj, kies skribmaniero elvokas tute malsamajn emociojn, ol tajpitaj aŭ presitaj. Ju pli malproksimiĝas de la nuno la eventoj, des pli valoraj kaj emociaj ili iĝas. Eble gravas por la homo ne percepti sian vivon kiel vicon da epizodoj disaj, do ne havantaj iun komunan sencon, sed vidi en sia vivo certan leĝkonformecon, unuecon, do percepti ĝin kiel ĉeneron en la komuna ĉeno kun la prauloj kaj posteuloj. Certe, nur kun aĝo venas tiu percepto, tiel grava por kompreno de la senco de sia vivo. Pereiga estas por ĉiu homo fortiriĝo de tiu komuna ĉeno, lia izoliteco, perdo de la apogiloj, tradicioj, delonge ekzistantaj.

Oni diras, ke la tuta posta vivo dependas de tio, ĉu infano en frua infaneco estis amata de siaj gepatroj aŭ ne. Precipe de la patrino, kies ligo kun infano estas la plej

decida. Mi ĉiam estis romantika kaj enamiĝema, sed eble pro tio, ke en la infaneco ne estis interkompreno kaj proksimeco kun la patrino, mi neniam estis feliĉa en amo, nur iuj raraj momentoj estis feliĉaj. Eble ekde tiam en mi enradikiĝis profunda sento de mia neplenvaloro: ĉar mi ne sentis min amata kaj ŝatata de la patrino, ĉe mi ne formiĝis la sento de mia valoro kaj digno. Kun la patrino estis ligitaj la plej komplikaj miaj sentoj – mi sentis eĉ malamon, eble, pro la ofendiĝo: iutempe mi loĝis kun la onklino, ŝia fratino, do mi sentis min forlasita. Kiam en la familio okazis konfliktoj, mi senhezite subtenis la patron: mi instinkte sentis, ke li estis ofendita en tiu situacio. Kiam la gepatroj divorcis, ne staris eĉ la demando, kun kiu mi loĝos: bonŝance, oni min ne submetis al tre dolora juĝproceso, por min demandi pri tio (tiam mi aĝis ĉirkaŭ 7 jarojn). Tamen neniam mi ĉeestis eĉ etajn konfliktojn, nur instinkte, adorante la patron, estante tre sentema al lia humoro, mi komprenis tion. Tiu mia ofendiĝo kaj sento pri kulpo de la patrino konserviĝis preskaŭ ĝis ŝia morto, malgraŭ ke ŝi multe klopodis por esti necesa al mia fratino kaj al mi kaj reale helpadis al ni ambaŭ en la plej malfacilaj situacioj, precipe dum gravaj malsanoj. La patro neniam pardonis ŝin, do nur post lia morto ŝi povis malkaŝe nin viziti; poste dum ŝiaj lastaj jaroj mi loĝis ĉe ŝi. La patrino diris tiam, ke se ŝi povus antaŭvidi ĉiujn postsekvojn de la divorco, ŝi neniam farus tion. Precipe ŝin turmentis la kulpo antaŭ mi. La patrino rakontis, ke ŝi eĉ sonĝis min, plorantan kaj ŝin riproĉantan. Finfine nur dum la lastaj tagoj de ŝia vivo mi povis plene pardoni la patrinon, jam mortantan, senmovan kaj kompatindan.

Malgraŭ mia ofendiĝo en la rememoro konserviĝis feliĉaj momentoj, ligitaj kun la patrino, tamen subkonsciaj, tre konfuzaj kaj malklaraj, ekzemple, lulkanto. Mirinde, tiuj rememoroj iam aperis dum miaj amaj travivaĵoj.

Certe, amo necesas por senti sin feliĉa, sen ĝi la vivo estas enuiga kaj monotona, nur ĝi povas interrompi tiun fluon de tempo per iuj helaj subitaj ekflamoj, iuj fajreroj, lasintaj iam profundajn, fortegajn spurojn, kies rebriloj varmigas nin, eĉ se amo ne estis feliĉa aŭ reciproka.

Mi ne kredas je longdaŭra okazinta amo, ĝi nepre transformiĝas en alian senton, eble bonan kaj varman, sed neniam varmege bruligantan, kiel antaŭe. Neokazinta amo iam povas daŭre ekzisti en la rememoroj kaj fantazioj, ne paliĝintaj pro la tempo. Do tial la plej fortaj miaj amoj estis amoj neokazintaj, amoj – fantazioj, parte elpensitaj. Reale mi komprenas, ke tiuj elpensitaj amoj donadis al mi pli da fortaj emocioj, ol postaj tute realaj rilatoj. Ili anstataŭis la veran amon, kiun eble mi estus povinta doni al reala homo por zorgi pri li, vivi per liaj interesoj, esti feliĉa per tio, kio feliĉigas la amatan personon, kio, al mi ŝajnas, estas la plej vera pruvo de la amo. Kial tio ne okazis? Eble mi estas tro egoista, eble mi timis grandan amon, eble mi ne kredis je ĝia ebleco por mi, ĉar mi ne amis min mem, kio estas, verdire, la plej grava kaj nekuracebla mia manko.

La okazintaj amoj plejparte estis senreviĝoj kaj disŝutiĝis kiel sablaj montetoj.

Tamen mi povus multege paroli pri enamiĝoj, pasioj, disiĝoj, suferoj, turmentoj, kiuj ne iĝis veraj amoj. Eble, ĉar pri vera amo oni ne rakontas, per ĝi oni vivas, eĉ se ne ĉiuj kapablas tion.

**Pri enamiĝo**

Mi estis enamiĝema. Por enamiĝi la ekstera aspekto ludis nenian rolon. Por mi gravas tute alia: la maniero paroli, ridi, moviĝi, la voĉo mem, la konduto, iuj gestoj, sed aparte – la rigardo, ĝia esprimo. Mi tre ŝatas penetran rigardon, en kiu evidentiĝas intereso al alia persono. Tiu rigardo povas esti tute nelonga, iufoje eĉ fulmrapida, sed ĝi ofte rivelas la veran, aŭtentikan senton, animstaton. Ĝi neniam estas ŝajna, pormontra. Ankoraŭ tio, kio povas fari min enamiĝinta, estas esprimo de mildo, iufoje – kaŝita, interna, ankaŭ ne pormontra.

Sendube, tio estas la plej agrabla, la plej hela, mirinda, ĉiopova sento. Eĉ se ĝi ne estas ankoraŭ vera amo, sed nur ĝia antaŭsento, precipe en tiu animstato oni plenigitas de ĝojo, de forto. Tio estas interna subkonscia sento, kiam io brubolas interne kaj postulas eliron de energio: kuri ien, oni ne scias kien, sed elspezi ĝin. Oni ne povas ĝin kontraŭstari, oni kapablas je ĉio: nepripensitaj agoj, stultaĵoj. Ŝajne, oni elfalas el la reala vivo kaj vivas en alia dimenso, alia mondo, tiu sento similas al ebriiĝo. Certe, ĝi estas rekte ligita kun seksaj instinktoj, propraj al ĉiuj estaĵoj, sed ne ĉiam ĝi manifestiĝas senpere en seksumado: vere, iufoje en situacioj tute malsamaj, precipe kiam la amo ne eblas pro kondiĉoj, de oni ne dependantaj. Tie tre gravas la rolo de “sublimado” (la termino de Freŭdo, eksplikanta multajn seksajn problemojn) – transporto de seksa energio en alian sferon de aktivado, precipe en la kreadon.

Eĉ se tiu mia amo evidentiĝis, kiel la aliaj, ne vera, miaj suferoj estis tute realaj kaj fruktodonaj por mia mensa aktivado: trafinta tre doloran situacion, laŭ mia sperto mi ekkonis, kio estas tiu “sublimado”. Neniam poste nek antaŭe mi tiom ĝuis muzikon, tralegis amasojn da libroj kaj revuoj pri psikologio, traskribadis amasojn da folioj, ilin forĵetadis, poste skribadis denove kaj denove forĵetis. Iuj nemultaj el tiuj miaj skribaĵoj konserviĝis ĝis nun: tio estas miaj pensoj kaj multaj citaĵoj, elskribitaj el libroj, kiuj aparte plaĉis al mi. Estas interese ilin relegi nun, kaj iujn mi provis esperantigi. Inter aliaj estis “Danĝeraj ligoj”. Tio estas libro pri amo por ĉiuj epokoj, ĉiam aktuala. La ludoj kun amo, flirto, kiuj ŝajnas la plej allogaj, reale evidentiĝas tute ne senkulpaj, iliaj postsekvoj povas esti tute neatenditaj, tre pezaj kaj gravaj. Tiu ludado povas esti danĝera kaj eĉ pereiga por ĉiuj kunludantoj.

Bedaŭrinde, la stadio de leĝereco, de ebrieco dum amkomenco ne daŭras longe kaj plejofte transformiĝas en aliajn, pli seriozajn sentojn, precipe en la senton de morala devo, kaj finiĝas per geedziĝo kun ĉiuj ĝiaj postsekvoj, kiam unu povas ĉantaĝi la alian, malbonuzi sian influon, trudi al la alia sian modelon de konduto, ja en la duopo malofte okazas ekvilibro: plej ofte unu estas subigita, dependanta de la alia. Preskaŭ ĉiam tio estas lukto por sia parto de sendependeco por gardi sian individuecon, al kiu konstante minacas ĝia subpremo. Iufoje la rolo de devigato, de viktimo kontentigas iujn personojn, sed iam ili povas indigni, do tiu mallonga ekvilibro rompiĝas. Eĉ se en la duopo estas normale dependi unu de la alia, tio okazas volonte, kiam neniu sentas sin humiligita, do tiu devigo ĉiam ligitas kun deziro zorgi pri la alia.

**Pri amo kiel ĝenerala, universala, profunda sento de ĉiuj estaĵoj**

Certe, oni povas esti feliĉa ne nepre per la amo al aliseksulo, sed kiam oni sentas sian valoron por iuj aliaj estaĵoj: infanoj aŭ bestoj. Mi estis feliĉa, kiam mia nepo

vizitis min. Tiam mi reale estis feliĉa per tio, kio lin feliĉigis. Ni vizitadis muzeojn, teatrojn. Mi legis al li librojn, instruis al li legadon, fremdajn lingvojn, travivadis kune kun li ĉiujn liajn agojn kaj interesojn, klopodis bonguste nutri lin, estis feliĉa, kiam li kviete dormis apude kaj bonhumore vekiĝis. Eĉ se nun neofte ni renkontiĝas, mi certas, ke estas mia merito en liaj interesoj, en lia amikiĝo kun la kuzino, en liaj kapabloj por lingvoj kaj Esperanto.

Nun mi estas feliĉa, kiam ĉarma, karesema rufa katido venas en mian hejmon, komforte sin sentas ĉe ni, ĝoje ronronante. Ĝi esploras ĉiujn etaĝojn de la granda domo, poste lokiĝas sur mia brusto, feliĉe murmuras, kareseme eltirante la ungetojn. Do tiuj momentoj de tenero kaj feliĉo certe estas ligitaj kun bezono de amo, integra parto de ĉiu estaĵo, kiu tamen ne estas reduktita nur al seksumado. Reale tio estas multege pli komplika kaj profunda sento, kiun la plej kleraj kaj saĝaj pensuloj pripensis kaj ne ĉiam trovis respondon.

"Interkomunikiĝo inter seksoj estas kerno de preskaŭ ĉiuj pasioj, ĉiam superantaj argumentojn de intelekto kaj saĝo, movantaj la plej gravajn historiajn procedojn. Ĝi estas ankaŭ fundamento de religio. Ja religia sento proksimas al la ama – tiu ĉionabsorba amo al Dio, kiu donas fortojn neimageblajn, same kiel granda amo al alia estaĵo, plene ekposedanta la homon. Kun sekso estas ligitaj preskaŭ ĉiuj tragedioj en la vivo. Tio estas danĝera subkonscia forto, kiu dormetas interne de la homo kaj povas esti ruiniganta, sed ankaŭ kreanta. Jam Platono enkondukis la terminon "eroto", kiu signifis ne Dion de la amo, sed energion de seksa inklino, seksa deziro kaj eĉ soifo de povo, strebado disvastigi sian "mion" ĉien. Eroto enigas energion de seksa inklino, seksa deziro en ĉiun krean aktivadon: ĉiuj kulturaj kaj religiaj agoj rezultas el tiu potenca forto, tio estas sublimado kiel la plej alta valoro. Eroto estas enamiĝo al la vivo, sento de la vivado, soifo de pleneco de la vivo. Erotika sorĉaĵo formas kaoson de subkonsciaj inklinoj. Kosmo de la amo aperas el kaoso de malhelaj erotikaj impetoj. Se tiu kaoso direktiĝas alten, ĝi iĝas fundamento de ĉiu krea aktivado: ĉefverkoj de belarto kaj la plej kuraĝaj impetoj de homa pensado. Sed se tiu forto ne trovas altan celon, ĝi povas detrui la plej fortan kaj sanan personecon kaj rezultigi eĉ frenezecon, senton de absurda kaj elĉerpita vivo." (Tio estas eltiraĵo el artikolo pri la amo en la ĵurnalo "Rossijskaja gazeta" ("Rusia ĵurnalo") № 149 (5228), la 8-an de julio 2010, de Maria Gorodova, kies opinion mi tute subtenas.)

Do oni devas esti tre atenta al tiu danĝera kaj ĉiopova sento, kiel oni estas atenta al fajro, kiu povas varmigi, sed ankaŭ forbruligi.

---

## *Klara Ilutoviĉ (Elektrostalj)*

### Traleginte "Marvirinstraton" de Tim Westover

**– 1 –**

Junige blovas de sur ĉiu paĝo
Surprizaj ventoj de la novelar',
Gvidante inventeme dum vojaĝo
Sur ondoj de mirakloplena mar'.

Kutimaj aĵoj plendas, ĝojas, tristas
En la fabela vivoocean',
Sed por infan' fabeloj ne ekzistas, –
Realo ili estas por infan'!
Ĉu Meduzeto estas halucino?
Se jes, ĉu ne dankindas ĝia far'
Kuneste ĉiam helpi al knabino
En hejmo, en lernejo kaj en mar'?
Ĉu lunulinoj estas nura sonĝo
Dum akvokuro sub arĝenta lum'?
Almenaŭ nokte feliĉigu plonĝo
En la fabelon el hastem kaj fum'!
Kaj ĉu virino havas aŭ ne havas
Fiŝvoston kaj ĉu blua flirtas vel',
Vokanta ŝian amon, ja ne gravas
En mondo de la revo kaj fabel'!
Nebul' kirase ŝirmas ies koron,
Komplikas homoj dum la kunekzist'.
Ĉu kruelul' donacos la trezoron
Al nekonata simpla metiist'?
Vivantoj stumblas, perdas kaj eraras,
Nur honte lumas detruita bon'.
Sentaŭga instalaĵ' konfuzon faras,
Tro multa arto velkas al ŝablon'.
La viv' malicas pri homsorta kreo,
Kaj por sukceso bezonatas aĵ'
Konvena pli ol fiŝhepatoleo,
Sed kio estas la plej ĝusta paŝ'?
Plenigas vivopadojn labirintoj,
La fino kaŝas sin en la komenc',
Kaj ĉie por solvantoj kaj solvintoj
Aperas novaj turno kaj intenc'.
Fabeloj en la vivo partoprenas
Nature, sen maskita senc' en si.
La vivo je fabeloj bunte plenas –
Ne restu la real' sen fantazi'!

**– 2 –**

*(Pri "Antaŭparolo al la Plena Verkaro de Yvette Swithmoor" el la novelaro)*

La lingvo Esperanto havas
Nektaron de konkord'
Kaj tamen de l' solec' ne savas
Vagulon sen la bord'.
Ĉu nepre geedziĝon celas
Kongreso kaj tendar'?

Forlasitecon venke pelas
La lingva malavar'!
Forgesu iu pri partnero
Por sia vivofar'
Kaj hele ĝoju en libero
Kun varma amikar'.
Ĉu tordas lin al korkonkero
L' inklino aŭ pasi'?
Kialon de la malespero
Li serĉu nur en si.
Plu persekutas ombro fata,
Venenas griza prem',
Ne iĝas iu komprenata,
Sed kulpas ĉu li mem?
Ne ĉion Esperanto povas –
Do, serĉu plu li sin.
Ja kiu serĉas, tiu trovas
En streĉoj kaj obstin'.
Pri Esperanto kiel trompo
Silentu la kritik':
Ĝi vivas por disiĝorompo
Kaj sen malesperig'!

---

## "Carmen" de J.Bizet

Kio estas Karmen? Ĉu ŝi amas
Aŭ kruele sin distras per viroj?
En muzik de l' opero plu famas
Ŝiaj rabe senbridaj deziroj.
En l' okuloj malicas amtorĉoj,
Aŭgurante fatalan vivsismon.
La diablaj pasioj kaj sorĉoj
Arde tiras en aman abismon.
Amo velkis. Ŝi estas libera.
Nova amo. Aliaj viktimoj.
La anim' sentroige infera.
Turmentem' sen bedaŭroj kaj limoj.
Per la trompa allog' amsimule
Ŝi plenigas je rava espero.
Iu nepre ŝin murdus korbrule –
Kial ne la aŭdaca torero?
Fulmas am' je lumego subita
Vokenvulte en ŝia rigardo.
De si mem estis ŝi kondamnita
Al ĵaluze mortiga ponardo.

“Mi devigas min ami!” – triumfas
Ŝia nerezistebla devizo,
Kaj en reto de l’ voko tuj ŝrumpas
Kaj prudento, kaj volmobilizo.
Eble, ion ŝi venĝas al viroj
Aŭ firmigas ŝin gusto de predoj
El petegoj, adoroj, admiroj,
El ambruloj kaj el amobsedoj.
Malliberas la kor’, postulante
Ĉiam novajn kaj novajn Jozefojn
Por ludaĉi per ili konstante
Kaj frakasi iliajn amrevojn.
Festas kanto la venkon fiere –
Amvenig’, amsufoko, amforto!..
Se ŝi vivi ne povas libere,
Kaptu ŝin liberige la morto.

---

## Kiu amas?

Amis Jozefo, amis Otelo –
Amo proprigon, do, benu.
Ĝiaj valoro, brilo kaj belo
Nur al la mastr’ apartenu.
Iuj la sian rabe ne cedas,
Lasas nenion havendan!
Ili ne amas – ili posedas:
Tuŝu neniu la fremdan!
Ami kruele, venĝe aŭ vante –
Ĉu la homeca kunligo?
Murdis aminte, batas amante –
La absurdega pravigo!
Estu nenies homo ne mia –
Sonas tremige la celo
En furiozo monstre envia –
En kontraŭama ribelo.
Ekas kompreno, tuŝas kompato,
Sendas racio konsilon.
Oni ne levas kontraŭ l’ amato
Manon kaj des pli murdilon.
Kredas amanto, ame foriras,
Dece kaj unurezone:
“Mi amas vin kaj kore deziras,
Ke al vi estu bone!”



# OMAĜE AL SVETLANA SMETANINA

***lige kun la 60-jara jubileo***

## STARTAS MI

Mi ne povas ekzisti senmove,
Ĉar ne estas en kuŝo logik'.
Estas mi veturonta denove.
Startas mi. Do pardonu, amik'!

> Allogante al foroj stelbrilaj
> En Eŭropo kaj en Amerik',
> Startas trajnoj kaj aviadiloj.
> Startas mi. Do pardonu, amik'!

Mi invitas vin al la vojaĝoj.
Vi ne pensu pri ajna komplik'.
Senhezite kolektu voj-aĵojn!
Startas mi. Do pardonu, amik'!

> Ĉu vi dubas pri tuja konsento?
> Ne deziras kapjesi al mi?
> Nu, eksidu kun mi por momento.
> Startas mi. Do pardonu, amik'!

Plej verŝajne, bedaŭros vi poste,
Ke hezitis vi kiel helik',
Ke vi pensis pri tro alta kosto...
Startas mi. Do pardonu, amik'!

> Vi deziros revivi verŝajne
> Sen forges' pri vojaĝ-romantik'.
> Mi al vi telefonos eltrajne.
> Startas mi. Do pardonu, amik'!

*Esperanto-versio de Ludmila Novikova por la kanto "Mi rapidas"*
*(ruslingva teksto: K.Vanŝenkin; muziko: J.Frenkel)*

Mi ne po - vas ek - zis - ti sen - mo - ve, ĉar ne
es - tas en ku - ŝo lo - gik'. Es - tas mi ve - tu - ron - ta de -
no - ve. Star - tas mi. Do par - do - nu, a - mik'! Al - lo -
gan - te al fo - roj stel - bri - laj en Eŭ - ro - po kaj en A - me - rik',
star - tas traj - noj kaj a - vi - a - di - loj. Star - tas mi. Do par - do - nu, a - mik'!

# Novaj libroj de "Impeto"

*(vidu la priskribojn en la paĝo 32)*












## ☺ AMUZAJ MISSKRIBOJ KAJ ERAROJ ☺

*Jen estas kelkaj amuzaj eraroj kaj misskriboj, trovitaj dum legado de diversaj E-tekstoj, plejparte – en artikoloj kaj informoj, senditaj por REGo:*

***15-ara*** (anst. 15-jara)
***diverspecaj*** (anst. diversspecaj)
***informnado*** (anst. informado)
***fiandaĵoj*** (anst. viandaĵoj)
***"Odo al gojo"*** (anst. ĝojo)
***okulkoj*** (anst. okuloj)



# FELIĈAN NOVAN JARON AL ĈIUJ!